# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Oficiala Organo de
**Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)**
kaj de aliaj esperantistaj unuiĝoj.

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj:
**Eldono A (Propagando) — Eldono B (Literaturo).**



Offizielles Organ des
**Deutschen Esperanto-Bundes E. V.**
und anderer Esperantisten-Vereinigungen.

Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben:
**Ausgabe A (Propaganda) — Ausgabe B (Literatur).**

**Abonprezo:** por jaro 2.400 Sm (Provabono por duonjaro, komenciĝanta en Januaro kaj Julio, 1.200 Sm). Ĉiu eldono aparte: 1.200 Sm (0.600 Sm). **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.

**Bezugspreis:** für ein Jahr 4.80 M. (Probeabonnement für ein Halbjahr, beginnend im Januar und Juli, 2.40 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2.40 M. (1.20 M.). **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**10ª Jaro No.9/10A** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Sept./Okt. 1913**

# La 8a Germana Kongreso en Stuttgart.

## La oficiala parto.

„Se ankaŭ la ŝvaba lando, kompare al aliaj germanaj landoj, unue iom postrestis en la Esperanta movado, ĝi tamen dum la lastaj jaroj akiris bonan reputacion en la esperantista mondo, kaj per la fervora agado de kelkaj pioniroj la nombro de la lokaj grupoj en Ŝvabujo pli ol triobliĝis dum la lastpasintaj dek du monatoj. Ankaŭ per la oficistaroj kaj per la unuiĝo por fremdula interkomunikiĝado la loka komitato de la kongreso trovis afablan helpon kaj subtenon; tial ni rajtas esperi, ke la gastoj sin sentos hejme en la ĉefurbo de l' ŝvaba lando."

Tiel skribis *Stuttgarter Neues Tageblatt*, la plej disvastiĝinta ĉiutaga gazeto de Stuttgart, kiu kun dankinda detaleco raportis pri ĉiuj okazintaĵoj de la kongreso, en sia saluta artikolo. Jes, nia afero bone antaŭenmarŝis en Ŝvabujo dum la lasta tempo, sed ankoraŭ **ne** tiel, ke ĉiu loĝanto jam antaŭ la kongreso kvazaŭ estis infektita per la Esperanta bacilo. Kiel oni povis rimarki ĉe pli ol unu okazo, ekzistis eĉ en Stuttgart ankoraŭ multaj loĝantoj, kiuj antaŭ la kongreso laŭŝajne nenion sciis pri Esperanto aŭ ne sufiĉe bone komprenis ĝiajn celojn. Pro tio estis bone, ke nia kongreso en la nuna jaro havis lokon en tiu suda parto de Germanujo, por ankaŭ tie pligrandigi la intereson pri nia lingvo kaj progresigi nian movadon. Ke tio efektive okazis, ke la Esperanta stelo penetrigis sian lumon en ĉiun angulon de Ŝvabujo, tion ni unuavice ŝuldas al la bona aranĝo de la kongreso kaj duavice al la favoraj raportoj de la jam nomita jurnalo, kiu dum la kongressemajno krome publikigis lerte verkitan kaj legindan novelon „Esperanto" de nia Stuttgarta samideano *Dro Weiß*. Sed ankaŭ la ceteraj jurnaloj de Stuttgart aperigis favorajn kaj sufiĉe detalajn raportojn.

Fakto estas, ke la kongreso trovis afablan helpon de oficialaj institucioj. Unu el ili jam estas nomita en la supre cititaj linioj el *Tagblatt*. Plue estas menciinde, ke al la *Honora Komitato* apartenis plej gravaj kaj influriĉaj personoj. Por la ekspozicio, pri kiu mi poste ankoraŭ parolos, oni disponigis la ekspozician konstruaĵon de la *Landesgewerbemuseum*, kaj por ĉiuj siaj kunsidoj kaj aranĝoj la kongreso povis uzi la belegan urban *Liederhalle*. La Stuttgarta *tramsocieto* ornamis per flagetoj ĉiujn vagonojn de la linioj, kiuj preteriras la diritan sidejon de l' kongreso, kaj krom tio ĝi konsentis al la kongresanoj eksterordinaran rabaton por ĉiuj linioj.

Plia fakto estas, ke la gastoj sin efektive sentis hejme en la belega urbo, dank' al ĝia afabla loĝantaro; la ŝvaboj ja estas konataj pro sia *Gemütlichkeit*. Ĉu la kongresanoj promenis sur la stratoj, ĉu ili vizitis magazenojn aŭ sidis ĉe bona ŝvaba biero en *Schwabenbräu* — ĉie la esperantistoj, ekkoneblaj je sia iom tro granda, sed ne malbela kongresinsigno, estis afable rigardataj kaj akceptataj.

Mi jam diris, ke la kongreso estis bone aranĝita. Tion ni ŝuldas antaŭ ĉio al la *Kongresa Komitato*, kiu sub la lerta direktado de sia prezidanto, nia altŝatata Profesoro *Christaller*, faris sian eblon, por kontentigi kaj ĝojigi la kongresanaron. Por siaj klopodoj la komitato, precipe ĝia prezidanto, meritas la sinceran dankon de ĉiuj partoprenintoj. Bedaŭrinde nur estas, ke tiu ĉi kongreso estis malpli bone vizitata ol la antaŭaj: nur iom pli ol 200 partoprenantojn ĝi havis. Kaj la kaŭzo de tio? Niaj kontraŭuloj diros: jen la pruvo, ke ni estas pravaj, dirante, ke la Esperanta afero komencas malprogresi. Ne, vi estas malpravaj, mi diras. La plej grava kaŭzo de la ne sufiĉe bona vizito estas, ke la kongreso okazis en tempo, kiam en preskaŭ tuta Germanujo jam finiĝis la granda somera libertempo de la lernejoj. Multaj personoj, kiuj estas dependaj de tiu libertempo, precipe la granda nombro de la esperantistaj instruistoj, ne povis veni, kvankam ili volon-

tege estus partoprenintaj la kongreson. Tio estas afero, kiun ni nepre devas konsideri ĉe la aranĝo de niaj venontaj kongresoj. Alia kaŭzo estas, ke ni en tiu ĉi jaro en Germanujo jam antaŭ la Stuttgarta kongreso havis kelkajn grandajn kunvenojn de niaj G. E. A.-ligoj, kiuj, kiel ekz. tiu en Frankenberg (Saksujo), havis la karakteron de kongresoj kun multnombra partoprenantaro. Kvankam tiaj kunvenoj kompreneble estas tre valoraj laŭ propaganda vidpunkto, ili tamen iom malfavore influas la tutnacian kunvenon, ĉar ne ĉiu esperantisto havas tempon kaj monon, por en unu jaro viziti pli ol unu grandan kunvenon. Sed la plej evidenta pruvo por la malpraveco de niaj kontraŭuloj estas la jarraporto de nia asocio, legita de la asocia prezidanto en la unua laborkunsido de l' kongreso; mi ankoraŭ parolos pri ĝi. Efektive nia afero en Germanujo bone progresas, precipe nun, post kiam la malagrablajoj, kaŭzitaj per la antaŭa sekretario de la asocio, espereble por ĉiam finiĝis. La nova estraro montris, ke ĝi scias fari laŭcelan, energian kaj praktikan laboron, tiel ke la asocianoj povas plene fidi pri la plua gvidado de la asociaj aferoj per la nuna estraro. „Klareco kaj malkaŝemo", jen la devizo, laŭ kiu la nuna estraro gvidas la asocion, kaj ke la anaro konsentas pri tio, ĝiaj elektitaj reprezentantoj esprimis en Stuttgart pli ol unufoje.

Ankaŭ la *ekspozicio* estis bone aranĝita kaj trovis la meritítan atenton de multaj vizitantoj. En grandaj, vitrokovritaj kestoj la elmontrajoj estis elmetitaj: lernolibroj, literaturaj, sciencaj kaj aliaj verkoj, gazetoj kaj propagandiloj, ilustritaj poŝtkartoj, statistikaj tabeloj ktp., pruvis al la rigardanto la jaman grandecon de la Esperanta afero kaj la praktikan uzadon de nia lingvo. Tre interesaj estis kolekto de *sigelmarkoj*, kiun samideano *Tarnow* afable disponigis, kaj la konataj *pupoj* de la *Societo Esperanto Dresden*, kiuj faris la vojaĝon al Stuttgart, por prezenti sin en siaj diversnaciaj kostumoj al la tiea loĝantaro. Ili estis tre fieraj pri tio, ke ili estis tiel multe rigardataj kun vera admiro. Agrablan impreson faris ankaŭ la belaj bildoj el Ŝvabujo, kiuj pendis sur la muroj de la ekspoziciaj ĉambroj.

Apartan laŭdon oni devas diri pri la bonega *kongreslibro*, kiun Profesoro *Christaller* tiel lerte redaktis. Ĝi estas la tria volumo en la serio de kongreslibroj, kiujn la germana asocio eldonas sub la titolo „Esperanto ein Kulturfaktor". La ĉefa enhavo de la libro konsistas el juĝoj pri Esperanto, eldiritaj de eminentaj samtempanoj. Ne estas loko ĉi tie, por detale mencii ĉiujn partojn de la riĉa enhavo; oni legu pri tio la recenzon en la nunmonata numero B de G. E. aŭ, pli bone, oni aĉetu kaj legu la libron mem. Ĉar multaj artikoloj en ĝi estas verkitaj en Esperanto, ĝi povas servi ankaŭ al negermanaj samideanoj. Bela estis ankaŭ la Esperanta gvidlibro tra Stuttgart, kiun ĉiu kongresano ricevis.

Speciala trajto de la Stuttgarta kongreso estis ĝia *internacieco*. Ĉar ĝi estis kvazaŭ antaŭkongreso de la Naŭa en Bern, multaj eksterlandaj samideanoj por sia veturo al Bern elektis la vojon tra Stuttgart, por tie kunesti kun la germanoj kaj poste kune kun ili fari la vojaĝon al Bern. En la lasta labora kunsido oni konstatis, ke 32 samideanoj el 9 negermanaj nacioj ĉeestas. Inter ili estis eĉ 75-jara samideano el Jamaiko, S-ro *Elworthy*, kiu, ĉar li estas aŭtodidakto en Esperanto, faris antaŭ kelka tempo la longan vojaĝon al Germanujo, por ĉi tie uzi nian lingvon de buŝo al buŝo; en sia hejmurbo li ĝis nun ne havis okazon por tio.

Ankoraŭ multon mi povus diri pri la bona impreso, kiun la kongreso faris laŭ ĉiu rilato, sed mi preferas fini la ĝeneralan pririgardon kaj nun paroli pri la specialaj aranĝoj.

* * *

La *kongresa programo* estis sufiĉe riĉa kaj lasis al konscienca kongresano ne tro multe da libera tempo dum la kvar laboraj tagoj. Jam la antaŭtagon, *lundon* matene, komenciĝis, sub la prezido de Prof. *Dro Ledermann* el Augsburg, la oficialaj ekzamenoj de G. E. A., kiujn 8 personoj partoprenis. Tri el ili, S-roj *Strauch* el Beuthen O.-Schl., instruisto *Adam* el Augsburg kaj ĉefinstruisto *Bieg* el Donsdorf, submetiĝis al la elementa ekzameno, dum la aliaj kvin, nome F-ino *Martha Schultz* el Danzig, S-roj supera poŝtinspektoro *Reber* el Bamberg, jurpraktikanto *Loy* el Bamberg, *Wilhelm Christaller* el Stuttgart kaj asistanto *Eisenbeiß* el Kempten deziris la ateston pri lingva kapableco. La rezultatoj, koniĝitaj en la lasta laborkunsido, estis bonaj: ĉiuj ok ekzamenitoj akiris siajn atestojn kun sukceso.

La *oficiala malfermo* de la kongreso okazis *mardon*, la 19an, antaŭtagmeze en la *Koncerta Ĉambrego* de *Liederhalle*. Ĝi estis bone vizitata, kaj multaj reprezentantoj de oficistaroj, publikaj institucioj kaj korporacioj ĉeestis. La prezidanto de G.E.A., supera distriktjuĝisto *Reinking* el Braunschweig, faris la malferman paroladon, en kiu li precipe akcentis, ke la germanaj esperantistoj, malgraŭ siaj internaciaj ideoj, estas bonaj nacianoj. Por konfirmi tion, li honoris la germanan imperiestron kaj la reĝon de Württemberg per Vivu-krioj, kiuj trovis entuziasman eĥon ĉe la kunvenintaro. Poste li dankis al la Stuttgarta loĝantaro pro la bona akcepto de la kongresanoj kaj al la oficistaroj kaj gazetoj pro ilia afabla intereso pri la kongreso. Mallonge klariginte la celon de la kongreso li esprimis la esperon, ke la kongreso havu bonan sukceson en la lando de la famaj dukoj de Ŝvabujo kaj de la aeronaŭto Zeppelin. Per kelkaj Esperantaj paroloj li fine turnis sin al la esperantistaj gastoj kaj al neasocianoj kaj finis sian impresan paroladon per salutoj al la asocianoj, kiujn li petis pri plua, senlaca laboro por nia afero.

Sekvis la vico de salutaj alparoloj de oficialaj reprezentantoj. Komunuma konsilisto *Dollinger* deziris en la nomo de la bedaŭrinde malhelpita ĉefurbestro de Stuttgart bonan sukceson al la kongreso kaj agrablan restadon en la urbo al la kongresanoj. Komunuma konsilisto *Stüber* parolis en la nomo de la „Unuiĝo por fremdula interkomunikiĝado" kaj de la „Interkomunikiĝa unuiĝo por Hohenzollern" kaj akcentis speciale la valoron de Esperanto por la turismo. Fabrikanto *Hirth* el Cannstatt promesis kiel reprezentanto de *Hansa-Bund* kaj de la „Unuiĝo de industriuloj de Württemberg" la subtenon de la esperantistaj klopodoj per la du diritaj korporacioj. Tre interesa estis la parolo, kiun Prof. Dro *Föhr*, direktoro de *Friedrichs-Polytechnikum* en Köthen (Anhalt), faris en la nomo de tiu ĉi instituto, ĉe kiu Esperanto estas enkondukita kiel deviga fako por

komercaj inĝenieroj. Li diris, ke la ĝisnunaj rezultatoj de la Esperanta instruo en la politeknika lernejo de Köthen estas tre bonaj. Li konsideras Esperanton kiel bonegan instruilon por entuziasmigi la junularon, kaj li konvinkiĝis pri tio, ke Esperanto ne estas fantomo, sed io reala, vivoplena, kio neniam malaperos, dank' al la bona fundamento, sur kiu ĝi estas konstruita. Li esperas, ke ankaŭ aliaj lernejoj baldaŭ sekvos la pioniran ekzemplon de lia instituto. Muzea direktoro Dro *Schramm* el Leipzig, la direktoro de la Saksa Esperanto-Instituto, salutis la kongreson en la nomo de sia instituto kaj esprimis la deziron, ke la instituto kaj G. E. A. ĉiam kune laboru en plena harmonio por la bono de nia afero en Germanujo. Preposto *Becker* el Bromberg transdonis la salutojn kaj bondezirojn de la Internacia Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj. Urba pastro *Umfrid* el Stuttgart (blindulo) faris rimarkindan paroladon en la nomo de la germana pacifista societo, kies vicprezidanto li estas. Li laŭdis Esperanton kiel gravan helpilon ĉe la interfratigo de la nacioj, kiun ankaŭ la pacifista societo klopodas atingi. S-ro *Sharpe* el Torquay (Anglujo) bonhumore parolis en la nomo de la eksterlandaj gastoj kaj petis, ke G. E. A. lin akceptu kiel anon; tre akurate li volas pagi la kotizon. Kompreneble lia aliĝo estis akceptata kun granda aplaŭdo. Intima reĝa konsilanto Prof. *Dro Schmidt* el Potsdam parolis por la Germana Akademia Esperantista Ligo kaj diris, ke tiu ĉi ligo ne volas iri proprajn vojojn, sed komune labori kun G. E. A., al kiu ĝi fine, post plenumo de sia laboro inter la sciencistaro, revenu; tio estas lia deziro. Plie parolis *Dro Weiß* el Stuttgart en la nomo de la T. E. K. A. kaj de la Tutmonda Esperantista Bontemplana Asocio, supera poŝtpraktikanto *Behrendt* el Breslau por la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj, S-ino *Hankel* el Dresden por la Esperantista Literatura Asocio, S-ro *Istel* el Wiesbaden por la Okcidenta Germana Ligo, S-ro *Schmalzl* el Augsburg por la Bavara Ligo, S-ro *Wichers* el Lübeck por la Nordalbinga Ligo kaj *Dro Arnhold* el Dresden por la Saksa Ligo. Ĉi tiu menciis, ke la bildo sur unu el niaj propagandaj poŝtkartoj, montranta aerŝipon de Zeppelin kun Esperanta stelo, realiĝos, ĉar en Septembro la Zeppelina aerŝipo „Sachsen" transflugos la saksan landon kun Esperanta flago. Kiel lasta en la longa vico parolis S-ro *Münzing* el Stuttgart, kiu salutis la kongreson en la nomo de la Württembergaj laboristoj. Post legado de la alvenintaj salut-telegramoj kaj leteraj salutoj, el kiuj estas aparte menciinda tre favora letero de la reĝa Württemberga ministerio por ekleziaj aferoj kaj publika instruado, Profesoro *Christaller* dankis per varmaj vortoj, en la nomo de la Kongresa Komitato kaj de la Ŝvaba Ligo, al ĉiuj favorantoj kaj helpantoj de la kongreso.

Sekvis nun la plej grava parto de tiu ĉi kunsido: la *festparolado* de *Dro Albert Steche* el Leipzig, ano de la saksa parlamento. Jam ofte li favore parolis pri Esperanto en la dirita parlamento kaj klopodas en ĝi pri la oficiala enkonduko de nia lingvo en la popollernejojn de Saksujo. Nun ni havis la plezuron, aŭdi lin ankaŭ en la Stuttgarta kongreso, kaj mi devas diri, ke vere estis plezuro, aŭskulti lian bonegan paroladon, montrantan lian profundan konon de la Esperanta afero kaj de niaj celoj. Li diris proksimume la jenon: Ankoraŭ en la jaro 1907, kiam li lernis Esperanton, neniu antaŭsentis la disvastiĝon de Esperanto, tiam ankoraŭ konsiderata kiel utopio. Intertempe ĝi fariĝis kulturfaktoro, kiu hodiaŭ estas same grava kiel aliaj akirajoj de nia jarcento. La nombro de tiuj personoj, kiuj povas lerni kaj studi fremdajn lingvojn, estas tre limigita; pro tio la interŝanĝo de ideoj inter la kulturpopoloj estas sufiĉe malfacila. Esperanto estas bona helpilo por tiu interŝanĝo, kaj jam nun oni povas ĝin nomi „la latina lingvo de l' estanteco". Precipe la sciencoj sentas la malutilon de la multlingveco, kiu sin precipe montras en internaciaj kongresoj sciencaj. Per la enkonduko de Esperanto ankaŭ tiuj ĉi malagrablajoj estos forigitaj, la presado de sciencaj verkoj fariĝos pli malmultekosta, sekve de la pli granda internacia aĉetantaro, kaj tio estos grandega progreso por la medicinaj, teknikaj, juraj kaj naturaj sciencoj. Ankoraŭ pli multe tio valoras por komerco kaj industrio; la enkonduko de Esperanto havigos al la komercisto pli grandan agadokampon. El la diritaj kaŭzoj ni vidas evidente la praktikan valoron de mondlingvo. La demando nun estas, ĉu ĝuste Esperanto povas kontentigi ĉiujn postulojn de la praktika vivo. La praktiko jam respondis ĉi tiun demandon per „jes". En internaciaj ekspozicioj kaj kongresoj, en la korespondo, en la uzo ĉe la polico ktp. Esperanto brile pruvis sian taŭgecon. La de multaj homoj timata endanĝerigo de la naciaj lingvoj ne ekzistas, ĉar Esperanto ne celas la forigon de la naciaj lingvoj, sed nur limigos ilian disvastiĝon: Esperanto internaciigas, sed ĝi ne sennaciigas. Precipe en la malaltaj popolrondoj Esperanto bone progresas, ĉar ĝi donas al ili okazon, havigi al si kompenson por la mankantaj scioj de fremdaj lingvoj. Tial estas tasko de la registaroj, zorgi pri tio, ke Esperanto pere de la publikaj instruejoj estu disvastigata inter la junuloj, kaj Germanujo devus antaŭiri en tio. Sed tasko de la esperantistoj estas, batali kontraŭ indiferenteco de la granda popolamaso rilate al Esperanto kaj ĉiam pli entuziasmiĝi por sia alta celo. Tiel la venko certe venos, kaj la verda stelo de l' espero disvastigos siajn radiojn sur la tuta terglobo.

La parolado de Dro Steche estis entuziasme akceptata de la aŭskultintaro, kiu dankis la elokventan oratoron per granda aplaŭdo kaj per ekstaro*). Post lasta parolo de la prezidanto la kunveno finiĝis per kantado de nia himno.

Dirinde ankoraŭ estas, ke la kongreso sendis telegramojn al la germana imperiestro, al la reĝo de Württemberg kaj al Dro Zamenhof. La du unuaj estis tuj respondataj, dum nia Majstro, kiu ĝiatempe estis en la germana banloko Neuenahr, jam antaŭ la ricevo de la kongresa telegramo sendis telegrafan saluton.

* * *

## La jarkunveno de G. E. A.

Entute estis tri laboraj kunsidoj; la unua okazis mardon posttagmeze, la dua merkredon antaŭtagmeze kaj la tria ĵaŭdon antaŭtagmeze. Grava kaj fruktodona laboro estis farata en ili, kaj la unuan

*) La parolado aperis en formo de germanlingva broŝuro, havebla ĉe „*Sächs. Esperanto-Institut*", Dolzstr. 1, *Leipzig*. Pr: 10 ekz. 0.25 M, 100 ekz. 2.— M afrankite.

fojon en germana kongreso preskaŭ ĉiuj pritraktoj okazis nur en Esperanto. Kaj kiel facile eĉ la plej malfacilaj diskutoj estis farataj! Estis vera ĝojo aŭskulti, kiel lerte la plej multaj parolantoj sciis eldiri *siajn ideojn en nia* lingvo. Ankaŭ tio estas progreso de la germanaj esperantistoj, kiu ja estas komprenebla per si mem, sed tamen menciinda. Reprezentataj estis 104 grupoj de G. E. A. kun 181 voĉoj. Tio estas proporcie ne tre granda partopreno de la grupoj en la asocia ĉefkunveno. Estas dezirinde, ke por venontaj jarkunvenoj la grupoj, kiuj ne sendos propran reprezentanton, almenaŭ transigu siajn voĉojn al reprezentantoj de najbaraj aŭ amikaj grupoj, kiuj partoprenos la kunvenojn, por ke ĉi tiuj montru reprezentecon de plejeble ĉiuj grupoj de G. E. A.

En la *unua kunsido* la prezidanto S-ro *Reinking* legis sian tre interesan raporton pri la pasinta agadjaro. Unue li funebre menciis la mortintajn gesamideanojn: S-roj Bourlet, Elb, Ladevèze, Zeppler, S-ino Löhr, F-ino Küster, kaj ankaŭ prelaton Schleyer li ne forgesis. La memoron pri la mortintoj la kunvenintaro honoris per ekstaro. Post sciigo de kelkaj ĝojigaj faktoj la prezidanto plue parolis pri la nuna stato de la asocio. „Klare ni volas montri al vi la veran staton de la asocio", li diris, „ni ne volas malkaŝi antaŭ vi eĉ malagrablajn faktojn, ĉar vi havas rajton esti informitaj pri ĉio, kio koncernas la asocion, kies anoj vi estas. La nuna estraro deziras havi vian plenan konfidon, nur se vi fidas pri nia laboro kaj ankaŭ forte kunhelpas, ni povas plenumi nian sufiĉe malfacilan taskon." — G. E. A. havas nun 183 grupojn; ĝia tuta anaro konsistas el 4143 regulaj kaj 584 eksterordinaraj membroj. Tiuj ĉi nombroj estas nepre fidindaj, ĉar grupoj, kiuj antaŭe staris nur sur la papero, estas forstrekitaj. Dum la lasta jaro aliĝis 28 grupoj, dum 20 eksiĝis; la gajno do estis 8 grupoj. Ankaŭ la financoj de la asocio estas nun ordigitaj, tiel ke oni povas klare vidi ilian veran staton. La deficito, kiu per la malzorgemo de la antaŭa sekretario bedaŭrinde atingis 11000 M, malplialtiĝis je 7000 M, ĉar en la pasinta jaro oni atingis superenspezojn de 4000 M. Bedaŭrinde la nova estraro devas juĝe procesi kun la antaŭa sekretario, ĉar li ne volis redoni aktojn kaj inventarion kaj ne liveris finkalkulon. Per parta juĝo la sekretario jam estas kondamnita, kaj espereble la malagrabla afero baldaŭ finiĝos. Tre interesa estas la statistiko de G. E. A. pri aperintaj priesperantaj artikoloj en la germana gazetaro, kiun ni dankas al S-ro *W. Kraft* el Braunschweig: de Oktobro 1912 ĝis Aprilo 1913 aperis entute 1817 artikoloj en 738 urboj, kaj la plej multaj el ili estas favoraj. La nuna kontrakto kun la eldonejo Ader & Borel pri Germana Esperantisto estas ja kontentiga por ambaŭ partoj, sed bedaŭrinde nur 1700 el la pli ol 4000 asocianoj estas abonantoj de G. E. Estus nepre dezirinde, ke la asocianoj iom pli ol ĝis nun subtenu sian oficialan organon, kiu laŭpove klopodas kontentigi la legantojn per sia enhavo. Duavice, por propagandaj celoj, la asocianoj povus ankaŭ aboni la aliajn germanajn Esperanto-gazetojn. — Ĝojige kreskis la nombro de la germannaciaj gazetoj kun konstantaj Esperanto-anguloj. La unuan lokon el ili okupas ankoraŭ ĉiam la Berlina gazeto *Deutsche Warte*, kiu entute estas tre leginda jurnalo. — Kompromitiga por nia movado en Germanujo estis la sufiĉe konata afero de Stephan. Sed espereble ĝi nun estas finita por ĉiam, ĉar S-ro Stephan donis al la asocia prezidanto sian honoran parolon, ke li ne plu kontraŭbatalos Esperanton kaj ne plu daŭrigos siajn trompajojn. — Rilate al la interna vivo de la asocio la prezidanto faris la ĝojigan sciigon, ke la oficejo de la asocio de Oktobro okupos propran hejmon en Dresden, en kiu la sekretariaj aferoj estos pli bone plenumeblaj ol en luitaj ĉambroj. S-ro *Hurler*, la helpanto de la afergvidanta prezidanto, estos konstante en la nova hejmo, kie cetere ankaŭ troviĝos biblioteko kaj legoĉambro. — La ekstera vivo de la asocio estis tre vigla, kio sin principe montris en la multaj, bone vizititaj ligotagoj kaj aliaj kunvenoj. Speciale rimarkinda estas ankaŭ la oficiala deklaro de la asocio al la konata rezolucio de la idistoj. (Vidu G. E. 7 A, p. 109.) — Granda kaj fruktodona estis la propagando dum la pasinta jaro. Por propagandi inter Bontemplanoj, la asocio eldonis specialan broŝuron, verkitan de S-ro *Schmiedeberg* el Delitzsch; laŭŝajne ĝi bonege plenumas sian celon. Atentinda fakto estas, ke S-ro *Wavrinsky* el Stockholm, la Ĉef-Bontemplano, skribis salutleteron al la kongreso. La interrilatoj de G. E. A. kun la Germana Laborista Esperantista Asocio estas bonaj kaj amikaj; ambaŭ asocioj sin reciproke helpas per interŝanĝo de statistikoj. Ankaŭ inter blinduloj kaj katolikoj nia afero bone progresas. Sufiĉe grava estas la oficiala akcepto de la esperantlingve redaktita regularo de G. E. A. per la Berlina distriktjuĝejo. Kelkaj oficistaroj sin montras tre favoraj al nia afero kaj subtenas la lokajn grupojn. Ekz. la magistrato de Hannover donas ĉiujare 300.— M. al la tiea grupo; la ĉefurbestro de Leipzig instigis tieajn magistratoficistojn al lernado de Esperanto, por kio la magistrato donis grandan monhelpon; la urbo Breslaŭ aliĝis al U. E. A. kaj donas ĉiujare 200.— M.; la urbo Hildesheim ankaŭ aliĝis al U. E. A. kaj disponigis al la tiea grupo por konstanta uzo ĉambron en lernejo. En la saksa parlamento *Dro Steche* kaj aliaj parlamentanoj, inter ili eĉ konservativuloj, estas tre favoraj al Esperanto kaj celas ĝian enkondukon en la saksajn popollernejojn. Efikan propagandon por Esperanto preparas la Saksa Esperanto-Instituto por la venonta jaro en la libroindustria ekspozicio de Leipzig: laŭ propono de *Dro Schramm*, la direktoro de la instituto, oni starigos en la strato de la nacioj, kiu troviĝos en la dirita ekspozicio, ankaŭ Esperanto-pavilon, kiu enhavos ĉion sciindan kaj montrindan de Esperanto. — Ĉe la multaj interrilatoj, kiujn la asocio havas, estas kompreneble, ke ĝia korespondo estas sufiĉe granda. Tiel ekz. nur la prezidanto ricevis dum la raporta jaro 637 leterojn, el kiuj nur 62 estis skribitaj germanlingve; la ceteraj, venantaj el ĉiuj societaj rondoj, de sciencistoj ĝis laboristoj, estis skribitaj en Esperanto.

Jen la plej gravaj punktoj el la prezidanta raporto, kiun la kunvenintaro aŭskultis kun grandega intereso kaj akceptis kun aplaŭda dankesprimo.

Poste la afergvidanta prezidanto S-ro *von Frenckell* faris sian raporton. Unue li pritraktis la kaŭzojn de la malbona financa situacio, en kiu G. E. A. sin trovis en la pasinta jaro. Ĉe la reorganizo de la tiama Germana Esperantista Societo al la nuna G. E. A., la tiam nove elektita sekretario Dro Kandt estis tro optimista rilate al la progreso de Esperanto

en Germanujo. Laŭ propono oni fiksis tre malaltajn membrokotizojn, sed la atendita grandega alkresko de anoj ne venis. La sekretario, kiu ne sciis bone mastrumi per la ne tro grandaj enspezoj, faris ŝuldojn, kiuj pli kaj pli grandiĝis. Tiun malsanan sistemon oni finis en la pasintjara kongreso, kaj dank' al la klopodoj de la nuna estraro revenis ordo en la aferoj de G. E. A., kaj la anoj povas fidi pri la gvidado de la asociaj aferoj. — Plue li invitis la bavarajn kaj ŝvabajn grupojn, ke ili aliĝu al G. E. A., ĉar nur per kuniĝo de ĉiuj burĝaj grupoj en G. E. A. ĉi tiu povus fari efikan laboron. — La laboro de la oficejo estis sufiĉe granda kaj multflanka. Oni propagandis precipe inter la profesoroj de altaj lernejoj kaj universitatoj, okupis sin pri dissendo de sciigoj pri Esperanto kaj de refutaj artikoloj al la nacia gazetaro kaj klopodis pri bonaj interrilatoj kun alilandaj societoj esperantistaj. — Fine la raportanto donis ankoraŭ detalajn klarigojn pri la nova hejmo de la asocio en Dresden.

Ankaŭ ĉi tiu raporto de la laboreĝema sekretario estis akceptata kun granda aplaŭdo.

Sekvis la raporto de S-ro *Behrendt*, kiu kiel prezidanto de la konsilantaro de G. E. A. parolis pri la laboroj de la diversaj fakoj de la konsilantaro. Precipe li akcentis la bonajn rilatojn, kiuj ekzistas inter la estraro kaj konsilantaro, kaj kiuj ja estas nepre necesaj por laŭcela laboro. Ne estas eble, eĉ nur citi ĉi tie la laborojn de ĉiuj 20 fakoj. Nur la fako XI (propagando en superaj lernejoj) estu aparte menciata. Ĝia estro, Prof. *Dro Ledermann* el Augsburg, sukcesis, ke Esperanto estas oficiale aprobita en kelkaj superaj lernejoj de lia urbo, en kiuj nun konstante okazas Esperantaj kursoj. En la tieaj popollernejoj okazas laŭvola instruo de Esperanto, kaj la partoprenintaj lernantoj ricevas noteton pri tiu ĉi instruo en siaj lernejaj atestoj. Augsburg nun okupas, dank' al la energiaj klopodoj de Prof. Ledermann, la unuan lokon inter la germanaj urboj, kie nia lingvo trovis akcepton en la lernejoj. La profesoroj de la superaj lernejoj de Augsburg preskaŭ senescepte estas favoraj al Esperanto, kaj multaj el ili studas ĝin fervore. Ankaŭ en Regensburg kaj Kempten Prof. Ledermann atingis similajn sukcesojn.

Kiel lasta raportanto parolis *Dro Arnhold*, la kasisto de G. E. A., pri la financa stato de la asocio. Kelkaj el la detaloj de li cititaj jam aperis en la du unuaj raportoj. Grava helpo por la malpliigo de la ŝuldoj estis la grandanimeco de angla pacifistino, kiu donacis al G. E. A. sumon de pli ol 5000 M. La estraro forte klopodas, ke la Zamenhof-Fondo, kiu provizore estas deponita kiel garantio pri la ŝuldoj, baldaŭ fariĝu tute memstara kaj estu uzata por la celo, por kiu ĝi estas destinita. Feliĉe la unua duonjaro jam montris superenspezojn de 1579,28 M, kaj se la promesitaj sumoj por la 100000-Mark-Fondo estos bone pagataj, baldaŭ ne plu ekzistos iu deficito. La ĉefa afero estas, ke la financa stato de G. E. A. estas nun klare ekkonebla, kaj ke oni ne plu bezonas timi pri ebla bankroto.

Pro tiu ĉi bona rezultato la nova estraro, precipe ĝia lerta kasisto, meritas la sinceran dankon de la asocianoj. La kunveno ankaŭ esprimis ĝin post la aŭskulto de la financa raporto.

En la komenco de la *dua kunsido* F-ino *Gérard* el Paris faris sciigojn pri la „Deka" kaj invitis al multnombra partopreno. S-ro *Devjatnin* donis klarigojn pri la Parkurbo.

Pro la ankoraŭ nefinita proceso kontraŭ la antaŭa sekretario, la estraro petis, ke oni prokrastu ĝian deŝarĝon ĝis la venonta jarkunveno. La propono estis unuanime akceptata. Poste *Dro Arnhold* legis sian lerte kaj tre singardeme starigitan etaton por 1914, kiu bilancas je 4100.— M. Post mallonga diskuto ĝi estis senŝanĝe akceptata. Al la revizoroj S-roj *Kempe* kaj *Karsch* oni speciale dankis pro la giganta laboro, kiun ili ĝuste en tiu ĉi jaro havis. Ĉar S-ro Kempe rifuzis reelekton, oni elektis por la venonta jaro S-rojn *Boden* kaj *Karsch* el Dresden kaj kiel anstataŭanton S-ron *Rampf* el Dresden.

Por la konsilantaro oni aprobis la jam per skriba voĉdono faritan elekton de S-roj *Böbs*, Lübeck, *Dro Nitz*, Königsberg i. Pr., kaj *Istel*, Wiesbaden. Anstataŭ la eksiĝanta estro de la fako „Gazetaro", S-ro *Winkelmann* el Dresden, kiu bedaŭrinde rifuzis reelekton, oni elektis S-ron *Karsch* el Dresden. La aliaj konsilantaranoj, kies oficperiodo finiĝas en tiu ĉi jaro, estis reelektataj.

La propono pri reguligo de la limoj de la ligoj estis retirata pro neperfekteco de la nuna asocia regularo.

La propono de la grupo Hamburg-Altona pri malaltigo de la kotizoj por la unuagradaj ekzamenoj estis retirata de la raportanto, S-ro *Senff* el Hamburg, post kiam li aŭdis el la diskutoj, ke oni entute estas kontraŭ la malaltigo.

S-ro *Mansfeld* el Merseburg raportis pri la propono de la grupo Delitzsch (punkto 11b de la tagordo[1]). Oni akceptis la proponon, ĉar oni ekkonis la necesecon, aranĝi niajn kongresojn se iel eble en tempo, kiam ankaŭ la instruistoj povas partopreni. Laŭeble oni en estonteco akceptos la invitojn de tiuj urboj, kiuj povos okazigi kongreson je Pentekosto.

La propono 11c de la Societo Augsburg (S-ro *Schmalzl*) estis vigle diskutata, por trovi taŭgan vojon por la tre dezirinda, eĉ necesa efektivigo de la grava afero. Oni decidis fine, laŭ propono de S-ro von Frenckell, transdoni la aferon al S-roj Prof. *Göhl*, Riesa, Prof. *Rohrbach*, Gotha, kaj Prof. *Dietterle*, Leipzig. Ĉi tiuj sinjoroj estas eminentaj fakuloj. Por honora donaco al la prilaborontoj oni fiksis sumon ĝis 150,— M.

Same viglajn diskutojn sekvigis la propono 11c de la Grupo Bamberg (S-ro *Loy*). Kvankam estis dirataj tre gravaj motivoj kontraŭ la propono, tamen montriĝis, ke la plimulto de la kunvenintoj estis kontraŭ polemiko en G. E. Decido: Ĉar G. E. estas propaganda organo *por Esperanto*, estas dezirinde, ke la polemiko en ĝi kontraŭ aliaj mondlingvaj sistemoj, precipe kontraŭ Ido, estu kiel eble plej limigata; se polemika artikolo iufoje estos nepre necesa, ĝi estu verkita nur en Esperanto. La estraro de G. E. A. kaj la redakcio de G. E. estas petataj, konsideri ĉi tiun deziresprimon.[2])

---

[1]) La proponojn oni bonvolu legi en G. E. 7A, pĝ. 110, ka 8A, pĝ. 126. *Eko*

[2]) La redakcio sekvos la deziron. Vidu la deklaron sub „Por kaj kontraŭ" en tiu ĉi numero. *G. E.*

La *tria kunsido* estis certe la plej grava. Prof. *Ledermann* koniĝis en entuziasmiga parolado la bonajn rezultatojn de la ekzamenoj. S-ro *von Frenckell* raportis pri propono 11 d de la Societo Dresden. Oni akceptis lian pluan proponon pri transdono de la afero al komisiono konsistanta el kvin elektotaj samidenanoj el Dresden. Poste S-ro von Frenckell raportis pri la internaciaj rilatoj de G. E. A. Li estis en Genève kaj Bern, kie li intertraktis kun U. E. A. kaj la komitato por la Naŭa. U. E. A. petis la elekton de specialaj reprezentantoj por helpi kaj partopreni la laborojn de U. E. A. Tio ne estas ebla, ĉar la estraro de G. E. A. reprezentas la asocion. Por internacia organizaĵo la nuna tempo ŝajne ankoraŭ ne estas matura, pro tio elekto de reprezentantoj por tiu celo ne estas necesa. Por Bern li proponis, ke ne la asocio entute pagu la kotizojn por rajtigitaj delegitoj de la asociaj grupoj, sed la grupoj, kiuj havas intereson, esti reprezentataj en la Naŭa, pagu mem la kotizojn por la delegitoj.

Longaj debatoj okazis poste pri deziroj rilate al la *Lingva Komitato* kaj pago de la kotizoj por la rajtigitaj delegitoj de la Naŭa. Oni devis konstati, ke la L. K. entute kaj kelkaj anoj aparte ne sufiĉe bone plenumis siajn taskojn. Laŭŝajne la komitato estas tro granda, ĝi laboras tro pezmaniere, kaj ĝi havas kelkajn anojn, kiuj laŭ lingva vidpunkto pli bone ne estus elektitaj por ĝi. Krom tio la publikigita statistiko pri la agado de la L. K.-anoj ne estas tute ĝusta. Ĉiuokaze estus bone, se la L. K.-anoj ne estus elektataj dumvive, sed nur por certa periodo de eble 3 aŭ 4 jaroj. Plie estus dezirinde, se la nombro de la L. K.-anoj estus pli malgranda ol nun, eble nur 100. Oni konstatis ankaŭ, ke en la Centra Oficejo en Paris ne regas plena ordo; ekzemploj por tio estis montrataj. Decidate estis, ke:

1. G. E. A. ne pagu por Bern la kotizojn por la rajtigitaj delegitoj de siaj grupoj, sed la grupoj faru tion mem;
2. G. E. A. estas por limigo de la funkcia periodo de la L. K.-anoj;
3. G. E. A. estas por malaltigo de la nombro de la L. K.-anoj;
4. la supernombraj L. K-anoj estu eksigotaj.

La propono de la konsilantara prezidanto S-ro *Behrendt* pri alternigo de la internaciaj kaj germanaj kongresoj estis prokrastata.

Evidenta pruvo por la sento de samideaneco, kiu regas inter la germanaj esperantistoj, montris sin ĉe la traktado de propono de la Studenta Ligo. Ĉi tiu petis de G. E. A. ĉiujaran kotizon por sia propagando kaj proponis plie reciprokan aliĝon de ambaŭ unuiĝoj. Ĉar la ŝparema kasisto de G. E. A. ne tuj konsentis pri la kotizo, kelkaj malavaruloj donacis el propra poŝo sufiĉe grandan sumon. La bona ekzemplo instigis al kolekto inter la ĉeestantoj, kiu havis la rezultaton de 110.20 M! Krome la eldonejo Ader kaj Borel promesis ĉiujaran kotizon. Kompreneble la studentoj akceptis la vere neatenditan grandan monhelpon kun kora danko.*) Oni interkonsentis, ke nur la Studenta Ligo aliĝu al G. E. A. kiel helpa membro kaj ne reciproke.

*) Vidu ankaŭ la apartan artikoleton ĉe la fino de tiu ĉi raporto. *Red.*

Por konkurso pri *propagandaj sigelmarkoj*, kiun G. E. A. anoncis antaŭ kelka tempo, alvenis 16 skizoj. Oni decidis transdoni ilin por prijuĝo al komisiono, kies estro oni elektis la kompetentan pri tia afero Profesoron *Christaller*. La starigon de la komisiono oni lasis al la libera elekto de ĝia prezidanto. Al la sama komisiono estis transdonataj du skizoj por *propaganda afiŝo*, montritaj de S-ro *Senff* el Hamburg.

Kun granda ĝojo estis akceptata la sciigo de pastro *Buhl* el Rottweil, kiu promesis instigi la bavarajn grupojn, aliĝi al G. E. A. kaj pagi la delegitajn kotizojn por la Berna Kongreso.

La lasta punkto de la riĉa tagordo estis la elekto de la venontjara kongresurbo. Invitoj alvenis de la magistrato de *Eisenach*, de la magistrato kaj la libroindustria ekspozicio (1914) de *Leipzig* kaj de la Grupo *Hannover*. Bedaŭrinde Eisenach, kiu estus tre taŭga kaj bela kongresurbo, ne povis esti konsiderata, ĉar estis neniu el la ĉeestantoj, kiu povis apogi la tre afablan inviton de la magistrato; do la „batalo" okazis nur inter Leipzig kaj Hannover. S-ro *Kröber* el Leipzig parolis por tiu ĉi urbo, kaj S-ro *Röver* el Hannover invitis en la nomo de sia urbo. Sed li ne povis sukcesi kontraŭ la elokventaj paroloj, per kiuj *Dro Arnhold* kaj S-ro *Steier* apogis la proponon de Leipzig; oni fine elektis, per 167 kontraŭ 14 voĉoj, ĉi tiun urbon kiel lokon de la 9a germana kongreso en 1914, sed oni esprimis la deziron, ke ĝi okazu je Pentekosto. Certe ĉi tiu elekto estas bona, ĉar supozeble en Leipzig la kongreso havos ne nur grandan partoprenantaron, pro la oportuna situacio de tiu urbo, sed antaŭ ĉio ankaŭ bonan oficialan subtenon. Tre verŝajne nia 9a kongreso fariĝos la plej granda kaj plej grava el ĉiuj ĝisnunaj.

Per tio finiĝis la traktadoj de la labor- kaj sukcesplena jarkunveno de G. E. A., kaj nun la ŝatata prezidanto kaj lerta gvidanto de la kunsidoj ekstaris kaj faris rimarkindan ferman paroladon, kies teksto estas jena:

„Nia tagordo estas elĉerpita kaj nia kongreso finiĝas. Estu do permesataj al mi kelkaj finaj vortoj kaj samtempe resumaj.

La vizito de nia kongreso ne estis plene kontentiga. Des pli dankaj ni estu al ili, kiuj honoris nin per sia ĉeesto.

La intereson de la registaraj kaj urbaj oficistaroj, precipe la lernejaj, ni esperis iom pli granda. Des plie ni rekonu la trovitan.

Kaj tamen mi kalkulas nian kongreson inter niaj sukcesoj. Jen la kaŭzoj: Ĝi estis Esperanto-kongreso kiel decas!

Unue laŭ la lingvo. Kio antaŭ du jaroj, ja ankoraŭ antaŭ unu jaro, ne jam ŝajnis ebla, hodiaŭ estas realigita. Verŝajne vi mem miris, kun kiu facileco la afero estis farebla. Ni Esperante demandis kaj vi respondis, kvazaŭ tio estus io nepre natura. La germanlingvaj epizodoj estis nur agrabla interrompo kaj forigis monotonecon.

Due laŭ la Esperantismo. Verŝajne ĉiu el vi partoprenantoj havis en kaj ekster niaj kunsidoj la impreson, esti inter amikoj. En niaj diskutoj ĉiu havis la rajton, eldiri malkaŝe kaj senĝene sian opinion, kaj tamen regis ĉiam plena harmonio. Reveninte hejmen ni memoru tiun ĉi bonan ekzemplon kaj imitu ĝin en niaj grupoj en ambaŭ direktoj!

Nia kongreso ne restis nerimarkita. Kontraŭe, la eĥo kaj resonanco, kiun ĝi trovis precipe en la gazetaro, estis mirinda. Mi mem ja ne trovis tempon, kontroli tion detale, sed je mia sincera ĝojo oni rakontis al mi, ke kelkaj gravaj organoj raportis pri niaj intertraktadoj en granda amplekso, kaj mi aŭdis el fidinda fonto, ke precipe la parolado de Dro Steche estas redonita preskaŭ laŭvorte. Je mia ĝojo mi povas aldoni, ke dank' al la zorgo de Dro Schramm ankaŭ plua efika disvastigo estas certigita.

Ankaŭ niaj decidoj pri gimnazia programo jam nun estas plenumitaj sen nia scio kaj eble super niaj atendoj. Detalojn pri tio mi ne jam rajtas doni. Sufiĉu la fakto.

Ni salutis du reĝojn kun oraj kronoj kaj ili afable respondis. Ni salutis ankaŭ reĝon en la regno de la spiritoj kun la aŭreolo de la genio, kaj ankaŭ li ne nur resalutis nin, sed eĉ hontigis nin, antaŭveninte nian saluton.

Sen iu dubo ni sukcesis konvinki niajn ŝvabajn amikojn, ke nur fidela kunlaborado kun ni povos antaŭenpuŝi nian movadon kaj ni jam posedas ilian solenan promeson, ke la Stuttgartaj grupoj baldaŭ volas aliĝi al nia asocio. Ili estu al ni bonvenaj kaj trovu multajn imitontojn.

La bildo pri niaj financoj iomete ŝanĝiĝis en la lasta jaro. Ni ne plu estas bankrotaj, kaj la bone inaŭgurita plena resanigo de niaj financoj ŝajnas certa, se daŭros la ĝisnunaj sukcesoj de la brikkolekto. Sed tie ĉi aŭskultu gravan kaj seriozan averton. Longe ne jam venis la tempo, ripozi sur niaj laŭroj, kredante, ke ĉio jam estas en bona ordo. Oni ne rakontu hejme: Ni nun estas riĉaj kaj monon ni ne bezonas plu. Efektive ni ankoraŭ staras en la komenco, kaj nia serioza zorgo restas, liberigi niajn fondojn, donitajn kiel garantiajojn, el la garantiaj ligoj, rericevi ilin al nia libera dispono kaj krei por ili la leĝan konstitucion, por savi ilin kontraŭ similaj danĝeroj, kaj por ke ili estu eterna monumento al la honoro de nia kara Majstro kaj samtempe de niaj pioniraj tempoj, en kiuj mizeraj malmultaj centmarkoj ŝajnis al ni trezoroj de Krojzo. Nenio estas al ni pli fremda, ol almozpeti denove. Sed jen vojo por niaj riĉuloj, enskribi siajn nomojn per oro en la oran libron de nia historio. Sendube ĝi iam estos skribata kaj tiam oni ne forgesos niajn bonfarintojn.

Certa mi estas, esprimi la ĝeneralan opinion dirante, ke niaj diskutoj estis interesegaj kaj meritis — kaj kiel mi ĝoje konstatas — ankaŭ trovis la plenan atentecon de nia anaro.

Ni elektis kongresurbon por la venonta jaro, kies sola nomo estas garantio por plena sukceso, kaj ni plibonigis niajn ŝancojn, elektante kongrestempon, kiu esperеble trovos la ĝojan aplaŭdon de niaj nord- kaj sudgermanaj amikoj samtempe.

Kaj fine por la nova estraro la bazo kaj necesa fundamento por ĉiu plua laborado ni esperas esti gajnintaj iomete vian konfidon. Estu certaj, ke ni ne konas pli grandan zorgon, ol konservi ĝin por ni mem kaj transdoni ĝin al niaj posteuloj.

Por ne denove elmeti nin al la riproĉo, glori nin mem, mi volonte citus ankaŭ la ombrojn en tiu ĉi hela bildo. Sed mi ne trovas iajn krom la komence jam aluditaj, kvankam fervore serĉinte. Tial mi rajtas fini kiel mi antaŭ tri tagoj komencis, per vortoj de kora danko. Profundan dankon al ĉiuj, kiuj ebligis niajn sukcesojn per sia laborado kaj kunhelpo!

En unua linio ni dankas al nia gastiganto, Prof. Christaller, kaj lia stabo. Per lia kongreslibro li pliakrigis denove niajn armilojn en nia batalo kontraŭ niaj malamikoj kaj starigis al si monumenton pli daŭran, ol bronzan. Kaj niaj Stuttgartaj amikoj estu certaj, ke la agrablaj kaj interesaj horoj, kunvivitaj kun ili en tiu ĉi bela urbo, tiu ĉi pentrinda kaj famoriĉa ŝvaba lando, tiel facile ne estos forgesataj. Sinceran dankon ankaŭ al niaj fest- kaj propagandoparolintoj, al kiuj ni kore deziras, ke la semo, disjetita de ili, ĝoje ekĝermu kaj portu riĉan rikolton. Dankon ne malpli grandan al tiuj, kiuj helpis plugi nian kampon, precipe al la gazetaro. Koran dankon fine — kaj mian personan krome — al miaj fidelaj kaj nelacigeblaj estrar- kaj konsilantarkolegoj. Plena sukceso de ilia penado por nia sublima ideo kaj la konscienco de bone plenumita devo estu ilia rekompenco.

Kaj nun, la koron malpeziginte de peza ŝarĝo, mi solene fermas tiun ĉi 8an Germanan Esperanto-Kongreson per la vortoj: Ĝis gaja revido en Leipzig!"

Vigla kaj sincera aplaŭdo sekvis ĉi tiujn bonegajn parolojn. Kun alta sento de kontenteco kaj konfido pri la bona stato de nia afero en Germanujo kaj pri ĝia gvidateco la kongresanoj disiris ĉe la fino de la kunveno, kaj unu al la alia ripetis la lastajn vortojn de la prezidanto:

**Ĝis gaja revido en Leipzig!**

* * *

## Aliaj kunvenoj dum la kongreso.

Vere kompatindaj estis la anoj de la **konsilantaro de G. E. A.**: ĉiutage ili devis viziti konsilantaran kunsidon kaj longe trakti pro la bono de la asocio. Sed ili konsciis pri siaj devoj kaj ĝoje submetiĝis al la laboroj de la kunsidoj, kiuj tre verŝajne havis bonajn rezultatojn. La estraro supoze raportos pri ili en la oficialaj sciigoj de G. E. A.

Du **propagandaj paroladoj** okazis: *mardon vespere* parolis supera poŝtpraktikanto *Arnold Behrendt* el Breslau antaŭ bone vizitata kunveno de interkomunikiĝaj oficistoj pri la temo: „Internaciaj poŝtaj kaj fervojaj interrilatoj kaj Esperanto"; *vendredon vespere Dro Arnhold* el Dresden faris grandan publikan paroladon pri „Esperanto, la internacia helplingvo". Ambaŭ paroladoj bone sukcesis, precipe la lasta, en kiu parolis ankaŭ Prof. *Dro Föhr* el Köthen pri la sukcesoj de Esperanto en la politeknika lernejo, kies direktoro li estas. Krome parolis en tiu ĉi kunveno S-ro *von Frenckell* pri sia esperantistiĝo, kaj fine kelkaj eksterlandaj samideanoj montris al la grandnombra publiko la preskaŭ egalan elparoladon de Esperanto ĉe diversaj nacioj. Multaj kursanoj enskribis sin post la paroladoj, tiel ke la Stuttgartaj grupoj nun estas tre okupitaj pri aranĝo de novaj kursoj.

**Germana Akademia Esperantista Ligo** kunvenis *merkrede* sub la prezido de intima reĝa konsilanto Prof. *Dro Schmidt* el Potsdam. Ĉi tiu kunsido bedaŭrinde ne estis decidopova, ĉar la anoj ne estis ĝustatempe invititaj por ĝi. Muzea direktoro

*Dro Schramm* el Leipzig sciigis, ke jus aperis 100-paĝa germanlingva broŝuro pri „Lernejo kaj Esperanto", kies verkadon oni decidis en la antaŭa jarkunveno. Baldaŭ ĝi estos sendata al ĉiuj germanaj Esperanto-institucioj.*) Al la verkinto de la broŝuro, Prof. *Göhl* el Riesa, oni sendis salutadreson. Prof. Schmidt faris la kasraporton, kiu montris bonan staton de la financoj.

*Merkrede* okazis ankaŭ la jarkunveno de la **Germana Esperanto-Unuiĝo de poŝtaj kaj telegrafaj oficistoj** sub la prezido de S-ro *Behrendt.* Sufiĉe granda nombro da membroj el multaj germanaj urboj ĉeestis. Speciala tagordo ne estis starigita, oni ĉefe parolis pri propagandaj demandoj kaj pri internaciigo de la klopodoj de la unuiĝo, kiu dank' al la energia kaj celkonscia laboro de la prezidanto jam post mallonga tempo nun havas pli ol 350 membrojn.

**Germana Studenta Esperanto-Ligo.** *(Propra raporto.)* Dum la kongreso nia ligo havis specialan kunsidon (19a de Aŭg., je la 9a antaŭtagmeze). Unue stud. ing. *H. Christaller* faris raporton pri la pasinta duonjaro, kiun oni povas legi en la „Mitteilungen" de nia ligo. Poste oni priparolis la propagandon farotan je la komenco de la vintra duonjaro. La plimalmultiĝo de la nombro de niaj grupoj instigas nin, labori per ĉiuj fortoj, por gajni novajn anojn kaj por fondi novajn grupojn en la venonta duonjaro. Niaj ĝisnunaj spertoj pri propagando inter la studentaro estos publikigitaj en gvidfolio (vidu „Ĉirkaŭ la mondo", Okt. 1913 kaj la „Mitteilungen" de nia ligo). En la sekvanta diskutado oni proponis interalie, pendigi en ĉiuj germanaj altlernejoj afiŝojn, kiuj atentigas pri Esperanto kaj pri la kunvenoj de la grupoj de G. E. A. Stud. rer. nat. *Kröber* parolis pri niaj rilatoj al G. E. A. kaj al la Germana Akademia Esp. Ligo. Li diris, ke niaj rilatoj al la G. A. E. L. estas sendependaj de niaj rilatoj al G. E. A., kaj ke la G. A. E. L. subtenos nian ligon dum la proksima jaro per 20 markoj. Aliĝo al la Germana Esperanto Asocio estus dezirinda, ĉar ambaŭ partoj profitus el ĝi. Sekve de tio nia ligo faris proponon al G. E. A. En la tria labora kunsido de la kongreso oni voĉdonis kaj decidis, ke la Germ. Studenta Esperanto-Ligo *aliĝu al G. E. A. kiel helpa membro*, kaj, ĉar la studenta ligo prenas sur sin laboron de G. E. A., ke G. E. A. subtenu la studentan ligon per 10 Markoj en ĉi tiu jaro. Post instigo de kelkaj amikoj de nia ligo oni faris kolekton dum tiu ĉi kunsido, kiu alportis al nia ligo la tre ĝojigan sumon de 100 Markoj. La firmo Ader kaj Borel nin subtenos jare per 10 Markoj. Koran dankon al ĉiuj donacintoj!

Laŭ financa vidpunkto estas nun facile al ni, labori per novaj fortoj; sed io mankas al ni: fervoraj kunlaborantoj, kiuj subtenas nian ligon per laboro. Ni turnas nin al la lokaj grupoj kaj al ĉiuj, kiuj aprobas la gravecon de nia laboro: kunhelpu per viaj fortoj, vi laboros pro granda afero!

Administranto en la proksima duonjaro estas *H. Christaller*, stud. ing., *Stuttgart*, Neue Weinsteige 61.

* *
*

*) Per tiu ĉi broŝuro jam neatendite estas plenumita la deziro pri lerneja programo de G. E. A. (Vidu la traktadon pri tiu demando ĉi-supre en la ĝenerala raporto). *Red.*

Kaj nun mi finas mian raporton, esperante, ke mi ne tedis la ŝatatajn legantojn per ĝia longeco. Sed mi opinias, ke *Germana Esperantisto*, estante organo de G. E. A., havas la devon, detale raporti pri la oficiala parto de nia nacia kongreso, por montri al la granda nombro de la nepartoprenintoj kaj al niaj alilandaj amikoj ĝian vere ĝojigan sukceson.

*F. Ellersiek.*

*

## Post la Kongreso.

Baldaŭ la regula vivado komenciĝos. La helpkongresanoj ricevis jam siajn kongresajojn, la anoncintoj en la kongreslibro siajn fakturojn kune kun la libro, la kunlaborintoj siajn ekzemplerojn. La kongreskalkulo baldaŭ estos en ordo kaj supozeble ni eĉ ne havos deficiton, malgraŭ la malgranda nombro da partoprenintoj.*) Kursoj komenciĝis aŭ -iĝos en Stuttgart (pri tio en la kroniko) kaj la aranĝintoj multe ĝojas, ke pasis la streĉa tempo sen rimarkinda malutilo al sano ktp., kaj kun freŝa fervoro ni laboros plue.

Ni atentigas pri tio, ke estas ankoraŭ riceveblaj: *Gvidlibro tra Stuttgart* kun plano 40 Pf., sen plano 20 Pf.; kongresinsigno 50 Pf.; sigelmarkoj laŭ prezoj kiel ĝis nun, sed la serioj por kolektantoj (12 malsamaj markoj kun klarigo pri la diversaj eldonoj) kostas po 1 M. por serio, ĉar ekzistas da ili malmultaj.

*P. Chr.*

*) La provizora kalkulo finas sen deficito.

**Bonvulo atenti sur paĝo 152 la avizon pri kongresraportoj.**

# Kroniko el germanlingvaj landoj

Ĉiu grupo kaj izolita samideano estas petataj, raporti al ni kiel eble plej akurate kaj koncize pri sia agado kaj pri la progresoj de Esperanto en sia urbo aŭ regiono. Oni bonvolu sendi la raportojn, **skribitajn sur poŝtkarto sen iu alia sciigo, ĝis la 20a de ĉiu monato al nia redaktoro, S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wißmannstraße 46.**

**Mallongigoj:** E: Esperanto; E-a: Esperanta; E-e: Esperante: P: prezidant(in)o; Vp: vicprezidant(in)o; S: sekretari(in)o; K: kasist(in)o; B: bibliotekist(in)o; R: revizor(in)o; Ks: kunsidant(in)o.

## Germanujo.

**Märkisch-Pommerscher Esperanto-Verband.** La 5a ligotago okazis la 16an kaj 17an de Aŭgusto en *Freienwalde a. Oder.* La unuan tagon oni aranĝis en la salonego de la gimnazio paroladvesperon, kiu estis tre bone vizitata. Urbestro Dr. Kurts, kiu akceptis la honoran prezidantecon, salutis la ĉeestantojn, poste Dr. Kandt el Bromberg propagande parolis en konvinka maniero. Dimanĉon matene estis laborkunsido. Post tagmanĝo kaj komuna kafotrinkado komenciĝis festvespero, plibeligata per kantoj solaj kaj komunaj kaj per prezentado de teatraĵo „La nova domkuracisto". La tuta aranĝo tre bone

sukcesis. Por aranĝota kurso en Freienwalde jam anoncis sin aro da personoj. La venontjara ligotago okazos en Eberswalde.

**Rejna-Vestfalia Esperanto-Ligo.** La 13an de Julio okazis en *Köln* kunveno de la ligo. Post matena rigardado de la urbaj vizitindaĵoj kaj komuna tagmanĝo okazis laborkunsido, kiu ĉefe okupiĝis pri kotizaj kaj organizaj demandoj. Posttagmeze la eble 40 partoprenantoj promenis laŭ la Rhein kaj vespere denove en Köln kuniĝis por agrabla babilado. La ligo nun konsistas el la grupoj en Bochum, Dortmund, Duisburg, Elberfeld, Essen, Godesberg, Gummersbach, Hagen, Hamborn, Köln, Kalk, Köln-Münster, Rheine, Rheydt, Saarbrücken kaj Siegburg. Ekster la ligo ankoraŭ staras grupoj en Freren, Gevelsberg, Hattingen, Elberfeld (2), Aachen, Krefeld, Remscheid, Koblenz kaj nova grupo en Düsseldorf.

**Saksa-Turinga Esperanto-Ligo.** Komence de Oktobro okazos ligotago en *Eisenach.* — Demandinte la opiniojn de la ligogrupoj pri la nura uzado de Esperanto dum la estinta ligotago, la ligestro ricevis de preskaŭ ĉiuj flankoj la respondon, ke oni ĝoje salutas tiun ĉi progreson. Iu grupestro respondis, ke li per tio gajnis la konvinkon, ke oni vere facile povas interparoli kaj trakti en Esperanto, pri kio li antaŭe ankoraŭ dubis. — La ligestraro petas adresojn de samideanoj en sufiĉe gravaj urboj de la liga distrikto, ekz. en Mühlhausen, Langensalza, Jena, Apolda, Zeitz, Eisleben, Oschersleben, por provi penetrigi nian movadon en tiujn urbojn kaj tiel helpi al inda preparo de la estontjara G.E.A.-kongreso en Leipzig.

**Supersilezia E-Ligo.** Liga kunveno okazis la 3an de Aŭgusto en *Zabrze* kaj estis vizitata de reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj ligogrupoj. Oni priparolis regularon por E-ekzamenoj aranĝotaj de la ligo; la raporton pri tiu ĉi afero faris Dr. Schmey el Beuthen. En *Lipine* fondiĝis nova ligogrupo el la eble 30 partoprenintoj de nun finita kurso. — Por honori la viglan propagandiston S-ron Hugo Gerisch el Auerbach, kiu vizitis la regionon de la ligo, oni aranĝis la 21an de Sept. ekskurson al „Waldschlößchen Dombrowa". Poste sekvis festeno en „Monopol Pils" en *Beuthen.* Salutan paroladon de la liga prezidanto, S-ro Bluschke, respondis S-ro Gerisch per dankparoloj kaj poste sekvis kantoj. Oni kunestis ĝis malfrua horo. Kolekto por la E-pavilono en la venontjara libroindustria ekspozicio rezultis 17 M.

*

**Augsburg.** Fine de Junio la kursoj en la diversaj mezlernejoj, la instruista kurso kaj kurso de la Societo Esperanto finiĝis; senescepte ili montris bonan sukceson. Ankaŭ la kurso gvidita de Prof. Haas en la „Fortbildungsschule" estis fermata en ĉeesto de la tiea lernejestro, kiu transdonis diplomojn al la sukcesintaj partoprenintoj.

— *Societo Esperanto.* Kiel anstataŭanto de la ĝisnuna P. S-ro Schmalzl, kiu devis demeti sian oficon pro ricevita voko al la ŝtata servo, Prof. Dr. Ledermann estis elektata kiel P.

**Ansbach.** *Loka Grupo.* La 28an de Julio okazis la ĉefkunveno, kies raportoj donis kontentigan bildon de la grupa stato. La ĝisnunaj estraranoj estis reelektataj.

**Bad Elster.** La 7an de Septembro kunvenis tie la *E-grupoj de Vogtlando,* por festi sian 4an ligotagon kaj propagandi inter la bangastoj. En la ĉambrego de la reĝa „Kurhaus" estis aranĝita E-ekspozicio. En festkunsido, malfermita de S-ro Hugo Gerisch el Auerbach, parolis urbestro Dr. Schanz el Oelsnitz, kiu ankaŭ akceptis la honoran prezidantecon, kaj Dr. Haller el Leisnig. La kunveno estis plibeligata de kantoj de Plauen'a sinjorino kaj de virkvarteto el Falkenstein. Membroj de la Plauen'a grupo prezentis E-an teatrajon „Rozalio". Post komuna tagmanĝo kaj laborkunsido oni komune vizitis la koncerton sur „Kurplatz", kie interalie ankaŭ estis ludata la E-marŝo de Rich. Maier.

**Berlin.** *Gruparo.* En la monata kunveno de la 1a de Julio intima reĝa konsilanto Prof. Dr. Schmidt parolis pri la sciencaj institutoj sur la „Telegrafa monto" apud Potsdam. Poste S-ro Steier el Leipzig parolis pri siaj spertoj en propagando kaj instruado de E., kio sekvigis viglan diskuton. — La 5an de Aŭgusto instruisto Schulz el Charlottenburg parolis pri la evolua historio de la mondlingva problemo. — En kunveno de la 2a de Septembro S-ro Gebhardt raportis pri la Stuttgarta kongreso.

— *Merkur.* La kursoj malfermitaj en komenco de l'nuna jaro nun finiĝis, la anoj aliĝis al la grupo, kiu nun havas 92 membrojn.

— *Katolika E-Societo.* La kunvenoj estas kontentige vizitataj, ankaŭ en la ekskurso, la 31an de Aŭgusto, sufiĉe multaj anoj partoprenis. Novaj kursoj estos aranĝataj komence de Oktobro en Berlin-Centro, Moabit kaj Schöneberg-Wilmersdorf.

— *Diskuta Rondo Esperanto.* Sub tiu ĉi nomo fondiĝis grupo el anoj de la kurso por progresintoj, gvidita de S-ro Meyer; oni kunvenas ĉiujaŭde en kafejo „Leutke", Gertraudtenstr. 15.

— *La eksigitoj.* La S, S-ro Kleiner, nun loĝas Berlin S. O. 26, Dresdener Str. 135.

— *Grupo Sudo.* La grupo entreprenis la 6an de Julio belan ekskurson, en kiu ankaŭ partoprenis samideaninoj el Potsdam kaj Frankfurt a. O. — La 27an de Aŭgusto la grupo aranĝis en la grupejo amuzan kunvenon kun sinjorinoj, kiu tre bone sukcesis.

— *Verda Stelo.* En la monata kunveno, la 12an de Aŭgusto, S-ro Wichert parolis pri „Volapük kaj ĝia graveco por la mondlingva demando".

— La 3an de Septembro S-ro Wichert propagande parolis en distrika unuiĝo de „Verband Deutscher Handlungsgehilfen".

**Biberach.** *Loka Grupo* aranĝis la 23an de Julio adiaŭan feston je la honoro de Dr. Uhlmann, kiu tiom instigis la E-movadon en la tiea regiono, kaj kiu nun devas reiri en sian svisan hejmlandon. La festo, kiu esprimis la dankon de la grupo al la foriranta membro, estis plibeligata per kantoj solaj kaj komunaj, deklamoj kaj muzikaĵoj.

**Bochum.** *Grupo Progreso.* La P S-ro Halbfell forlasis Bochum, anstataŭ li iĝis P la ĝisnuna Vp S-ro Towet. La 13an de Julio la grupo partoprenis multnombre en la *Revelo*-kunveno en Köln. En la urba legejo nun regule estas elmetataj „Germana Esperantisto", „Ĉirkaŭ la mondo" kaj „Ŝvaba Esperantisto".

**Breslau.** En la jarcenta ekspozicio okazis la 10an de Aŭgusto silezia E-tago, kiun partoprenis multaj gastoj el la orientaj provincoj kaj ankaŭ el aliaj partoj de Germanujo. Sabaton oni konatiĝis en saluta vespero, dimanĉon matene, en festkunsido, la kunvenintoj estis salutataj de reprezentantoj de la magistrato kaj de la porfremdula societo; la festparoladon faris S-ro A. Behrendt. Dum la tago oni vizitis la ekspozicion, kaj vespere direktoro Dr. Schramm el Leipzig propaganda parolis.

— *Katolika Grupo.* En festo de la katolika virunuiĝo S-ro Wolf transdonis gratulojn en la nomo de la katolika E-Grupo.

— Laŭ instigo kaj sub gvidado de stud. phil. Fritz Wiener, la 23an de Junio en universitata aŭskultejo kun permeso de la rektoro komenciĝis kurso por studentoj. La ĝisnuna sukceso estas kontentiga.

— *Laborista Grupo.* Samideano el Aŭstrio, Dr. Stanišić, vizitis la grupon kaj vekis viglan intereson inter la ĉeestantoj, tiel ke tuj 4 novaj anoj aliĝis al la grupo.

**Burgstädt.** *Laborista Grupo* ekskursis la 13an de Julio al Penig, kie en „Schützenhaus" estis aranĝata publika kunveno kun parolado de S-ro Kaiser el Altenburg. — Okaze de la „Sindikatfesto" la 27an de Julio en la procesio partoprenis la grupo kun 32 anoj, kunkondukante E-flagon kaj terglobon kiel standardon. Sur la festplaco la grupo aranĝis E-ekspozicieton.

**Cannstadt - Wendlingen.** *Laborista Grupo.* Kurso komenciĝis post aranĝo de E-ekspozicio kaj propaganda parolado de S-ro Schwabenthan; la kurson gvidas S-ro Rebstock.

**Charlottenburg.** *E - Gesellschaft.* En la aŭgusta kunveno S-ro Seeliger, travojaĝinte Danujon kaj Sud-Svedujon nur per E, faris tre interesan paroladon pri siaj impresoj, ĉefe pri la dana ĉefurbo. La societo decidis, regule korespondi kun la konversacia klubo en Kopenhagen.

**Chemnitz.** *Loka Ligo.* La 16an de Septembro kolektiĝis multnombraj tieaj gesamideanoj, por solene adiaŭi S-ron Hahn, kiu translogiĝos al Leipzig. La P de la ligo, S-ro Schneider, transdonante honordonacon, per varmaj vortoj menciis la meritojn de la foriranto kaj gratulis lin pro la nova ofico. Emociite S-ro Hahn dankis korege kaj diris, ke li ĝojas montri per sia persono, ke E jam nun povas esti profitodona por siaj anoj, kvankam li mem ĝin amas nur pro ĝia ideala celo. Li esperas ankaŭ en estonteco sukcesplene labori por E. La E-himno kaj aliaj kantoj interrompitaj de paroladoj ornamis la feston.

**Cottbus.** *Laborista Grupo.* La 24an de Aŭg. la grupo aranĝis dum kelkaj horoj E-ekspozicion en restoracio „Keil".

**Danzig.** *Loka Grupo.* En monata kunveno la 15an de Septembro intima konsilanto Dr. Seemann dediĉis nekrologon al la jus mortinta Vp S-ro Strauß. Post negocaj aferoj F-ino Schultz raportis pri la Stuttgarta kongreso, poste oni priparolis la vintran programon. En Oktobro malfermiĝos du kursoj por komencantoj, meze de la vintro estos aranĝata propaganda parolado, krome fondiĝfesto en Novembro kaj karnavala festo en Februaro. Oni daŭrigos ankaŭ la dimanĉajn kunvenojn bone sukcesintajn. Ĉiudusemajne sub gvidado de Dro Seemann okazos kunveno, en kiu oni nur parolas Eperante. Presita listo de la grupa biblioteko estos eldonata.

**Dortmund.** *Loka Grupo.* La 17an de Aŭgusto la grupo festis sian unuan fondiĝfeston. Fotografado, ludado sur herbejo kaj dancado kunigis la grupanojn kun iliaj gastoj el Hagen, Bochum kaj Herne ĝis malfrua horo. — La 12an de Oktobro la grupo aranĝos ekspozicion kaj propagandan paroladon, farotan de ĉefredaktoro Hartenfels el Hagen.

**Dresden.** *Loka Ligo.* La juna ligo invitis por la 14a de Sept. al sia 1a liga festo en „Künstlerhaus". Kunvenis eble 500 personoj, kiuj kun plezuro ĝuis la riĉan programon. Ĥoroj de la kantistina grupo de Societo E Dresden, sub gvidado de F-ino Lehner, bonege sukcesintaj solaj kantoj de la jus nomita koncertkantistino, ĉambromuziko ludita de F-ino Bellmann, S-ro koncertmajstro Schiller kaj la ligestro S-ro Engst, kaj fine terceto por mandolino, mandolo kaj gitaro, ludita de F-ino Kirbach, F-ino Lange kaj S-ro Vogel estis la muzikaj numeroj de l'programo. Ĝi kompletiĝis per la E-teatrajo „Du biletoj", ludita de 3 anoj de Sinjorina Societo E Dresden, kaj de la germana propaganda teatrajo „Vereint durch Esperanto", kiun prezentis anoj de la Laborista Grupo Centro Dresden. Per balo finiĝis la bela festo nur en tre malfrua horo.

— *Societo E.* En la monata kunveno de l'12a de Aŭgusto ĉeestis kiel gastoj Sroj Höveler el London, Dr. de Szöke el Ungvár, Sro Mathiak el Danzig kaj S-ro Kozlo el Strij (Galicio). Oni priparolis diversajn demandojn decidotajn en la kongresoj de Stuttgart kaj Bern, kaj Sro Löffler raportis pri la germana gimnastika festo en Leipzig. Sekvis vigla E-diskuto pri la graveco kaj neceseco de la gimnastiko, en kiu ankaŭ la eksterlandaj gastoj partoprenis. — La septembra monata kunveno okazis la 16an kaj estis dediĉita al la kongresraportoj, kiujn faris en E S-roj v. Frenckell, Dr. Arnhold kaj Maske. Priparolataj estis ankaŭ la kondiĉoj por la uzado de la societa hejmo en Pirnaische Str. 50 II, kiu estos malfermata komence de Oktobro kaj kie plej baldaŭ estos aranĝataj kursoj por komencantoj kaj progresintoj.

— *Laborista Loka Ligo.* Novaj kursoj estas aranĝataj en fino de Septembro kaj komenco de Oktobro en 6 diversaj kvartaloj, krome ankaŭ kurso por junuloj.

— *Laborista Grupo Centro.* La grupo funebras pri la morto de sia P S-ro Alwin Sperling, kiun tifo forrabis el lia familio kaj de la fervora laboro por E.

**Eilenburg.** *Laborista Grupo.* La 16an de Junio komenciĝis sub gvidado de la blinda S-ro Krüger kurso por blindaj laboristoj (agordistoj en fabrikejo de fortepianoj). La instruo okazos laŭ la en Braille-skribo aperinta lernolibro de Borel.

**Erfurt.** *Laborista Grupo.* Kursoj komenciĝis en Erfurt kaj Erfurt-Nord.

**Frankfurt a. M.** *Loka grupo.* S-ro R. Kreutz propagande parolis en „Praktikista Unuiĝo Stolze-Schrey". Speciale la estraro interesiĝis pri E kaj komencis lerni la lingvon. Ankaŭ en Stenografia Unuiĝo Stolze-Schrey en Frankfurt-Bockenheim S-ro Kreutz parolis antaŭ eble 60 personoj. Multaj interesiĝis kaj kurso komenciĝis en fino de Septembro.

La grupo intencas interesi la Frankfurt'an trafikan unuiĝon pri E kaj petas, ke oni afable legu la rilatan alvokon. (Vidu sub „Diversaj komunikoj" en tiu ĉi numero).

**Freren i. H.** Bedaŭrinde nia fervora kunlaboranto Dro Kunst forlasis nian urbeton, por preni sur sin oficon en Guatemala. Tial nun S-ro Kracht instruas la lernejanojn de la supera lernejo. — La loka gazeto sufiĉe ofte publikigas ion pri E.

**Gera (Reuß).** *Laborista Grupo.* La grupo partoprenis en granda procesio okazinta dum distrikta festo de laboristaj kantistoj.

**Gevelsberg.** Kelkaj sinjoroj nun studas private E-on, por post propaganda aranĝo en Oktobro komenci kurson kaj fondi grupon.

**Glauchau.** *Loka Grupo.* El la finita kurso 8 partoprenintoj aliĝis al la grupo. Nova kurso komenciĝis la 19an de Septembro sub gvidado de S-ro Petrik.

**Godesberg.** *Godea.* La 27an de Julio la grupo vaporŝipe ekskursis al Linz a. Rh. — Dum la someraj monatoj la grupon vizitis multaj gesamideanoj, kiuj veturis Bernon, interalie ankaŭ la angla karavano (50 personoj). La anglaj gastoj estis akceptataj en la stacidomo, gvidataj en la hotelojn kaj tra la urbo, vespere okazis en „Rheinhotel" agrabla komuna vespermanĝo, ornamata per diversaj paroladoj. — La Bern'an kongreson vizitis 7 grupanoj, S-roj Arntz kaj Butin raportis pri la kongreso al la lokaj gazetoj. La 21an de Septembro la grupo ekskursis al Kottenforst kaj Bonn. — Novaj kursoj komenciĝos en Godesberg kaj Bonn.

**Groß-Gerau apud Darmstadt.** *Loka Grupo.* La peto de la grupo pri disponigo de ĉambro en lernejo por E-instruado estis favore plenumata. La lernejestro Prof. Dr. Lettermann tre favore parolis por E kaj deziris al la instruado bonan sukceson. — En la Kino-teatro S-ro Prestele aranĝis lumbildan paroladon pri E — certe imitinda ekzemplo.

**Gummersbach.** *Loka Grupo.* La grupo nun komencis gazetan propagandon en la ĉirkaŭajo de G., kelkaj gazetoj regule publikigas la ricevitajn notojn el „Pressemitteilungen" (Gazetaj sciigoj de G. E. A.).

**Hagen i. Westf.** *Loka Grupo.* Malgraŭ la somera vetero la grupkunvenoj estas regule kaj kontentige vizitataj. S-ro Scheidemantel malfermis kurson kun 40 partoprenantoj en laborista junulara unuiĝo.

**Hamborn.** *Loka Grupo,* La juna grupo nun havas 25 anojn kaj kunvenas ĉiun 1an kaj 3an jaŭdon de l' monato en „Marxloher Hof". P nun estas S-ro Bosüner, S: S-ro Weber. Ĉiusabate kunvenas kelkaj anoj en la grupejo ĉe „Esperantotablo". Nova kurso estos aranĝata en Oktobro.

**Halle a. S.** *Laborista Grupo „Frateco".* La 10an de Aŭgusto la grupo aranĝis ŝipekskurson sur Saale al Wettin. Partoprenis 90 personoj, inter ili gastoj el najbaraj grupoj.

**Hattingen.** Ĉi tie kurso gvidata de S-ino v. Drigalski komenciĝis kun 20 gepartoprenantoj. Post la fino de la instruado fondiĝos grupo sub prezido de S-ro Sahler.

**Henkenhagen (Kr. Kolberg).** En la refreŝiĝejo „Anker" Dr. Winsch aranĝis E-kurson, kiu daŭris de mezo de Aŭgusto ĝis fino de Septembro.

**Herne.** Grupo fondiĝis la 19an de Aŭgusto sub la nomo *„Hern'aj kunbatalantoj".* P estas S-ro Grodzki, S: S-ro Wycislo, K: S-ro Jendryka. Riĉaj societoj estas petataj, sendi propagandan materialon ktp. al S-ro M. Grodzki, Herne, Kaiserstr. 34.

**Höchst a. M.** Distriktkonferenco de laboristaj grupoj okazis la 20an de Julio. Oni priparolis la organizon de la distrikto kaj elektis P de la distrikto S-ron Roth el Frankfurt a. M., kiu la saman tagon posttagmeze ankaŭ faris propagandan paroladon.

**Landsberg apud Halle.** Tie kunvenis la 14an de Septembro areto da E-istoj el Halle, Delitzsch, Bitterfeld kaj Merseburg, por aŭdi la raportojn de partoprenintoj en la kongresoj de Stuttgart kaj Bern.

**Leipzig.** Veturante al la kongresoj 6 samideanoj el Bromberg kaj S-ro Nedoŝivin el Kovno, oficiala reprezentanto de la rusa ministerio por komerco kaj industrio, vizitis la Leipzig'ajn E-istojn. — Okaze de la internacia ekspozicio por librometio kaj grafiko 1914 la E-grupoj de Leipzig intencas starigi E-pavilonon en la „strato de la nacioj". Estas nepre necese, ke ĉiu samideano kunhelpu al la efektivigo de tiu ĉi grava plano! Oni sin turnu al la Saksa E-Instituto en Leipzig, Dolzstr. 1.

*Laborista Grupo.* Kurso por progresintoj komenciĝis en „Volkshaus" sub gvidado de S-ro Kretschmer. En Oktobro malfermiĝos en ĉiuj partoj de l' urbo kursoj por komencantoj, la propagando jam vigle komenciĝis.

— Grupoj *„Leibniz"* kaj *„Zamenhof".* Stud. rer. nat. Kröber raportis pri la kongresoj en Stuttgart kaj Bern. Post la parolado oni diskutis pri la demando, ĉu estas rekomendinde, dum naciaj kongresoj en la kunsidoj paroli nur E-e. Oni fine konkludis jene: En naciaj kongresoj estu preferinde plejeble uzata la enlanda lingvo, sed estu ankaŭ okazo por pritraktoj kaj ekzercadoj en E. (La ĝenerala opinio de la Stuttgartaj kongresanoj estis mala; cetere ĉiu ja havis la liberecon paroli E-on aŭ germanan lingvon. Red.) — La 15an de Septembro komenciĝis kursoj en ambaŭ grupoj.

**Lübeck.** *Societo Esperanto.* Kurso komenciĝis la 22an de Aŭgusto.

**Metz.** *Amika Rondo.* La Klubo „Amika Rondo" nuntempe kalkulas 30 anojn, kiuj ĉiuvendrede kunvenas en Kaiser-Wilhelm-Haus. Nova kurso komenciĝos la 6an de Oktobro, ĝin gvidos S-ro O. Küntzel. Por pli efike propagandi, la rondo intencas aranĝi E-an ekspozicion kaj tiucele jam nun petas de la samideanoj ĉiuspecajn elmontrajojn; laŭdezire oni resendos ilin post la 15a de Decembro. Oni volu tiurilate sin turni al S-ro R. Schwartz, Römerallee 4, Metz.

**München.** *Laborista Grupo.* Por prepari kursojn malfermotajn meze de Septembro en diversaj urbopartoj, la grupo aranĝis la 2an de Septembro en la Sindikata domo propagandan paroladon kun E-ekspozicio.

**Neukölln.** *Loka Grupo.* La grupo havis en sia unua kunveno post la somera libertempo la ĝojon, akcepti la viziton de S-roj Ladnov el Moskvo kaj Valentino el Kovno, vojaĝantaj al Bern. En Oktobro kurso komenciĝos.

**Norderney.** S-ro Hugo Gerisch el Auerbach pasigante tie sian libertempon, aranĝis la 25an de

Julio grandan propagandan kunvenon en la salonego de la reĝa konversacia domo. La propagandan paroladon faris direktoro Dro Popp el Oldenburg kaj la prezidantecon de la kunveno prenis sur sin kortega kuracisto Dro Grusche el Dessau.

**Offenbach a. M.** *Laborista Grupo.* S-ro Roth el Frankfurt a. M. parolis propagande la 29an de Julio en bone vizitata publika kunveno. Kurso komenciĝis.

**Peine.** Per gazeta propagando instruisto Frohns sukcesis gajni por lerneja kurso, komenciĝinta en Majo, pli ol 30 knabojn. La kurso bone daŭras kaj finiĝos je Pasko 1914.

**Posen.** *Pola E-Societo.* La 14an de Aŭgusto Dro A. Czubrynski el Kraków faris en la grupejo E-paroladon pri „E-ismo kaj naciaj kulturoj". Ĉeestis eble 50 personoj polaj kaj germanaj.

**Regensburg.** *Loka Grupo.* La kurso gvidita de S-ro Eckl nun finiĝis per simpla, sed bela soleno, konsistanta el dankparoladoj de la P S-ro Reuss kaj de unu kurspartoprenintо el kantoj kaj muzikajoj.

**St. Ingbert.** *Loka Grupo.* La grupo eldonis por la vintra duonjaro programon kun la titoloj de paroladoj ktp. farotaj en la monataj kunvenoj. — La 13an de Sept. S-ro Aug. Omlor jr. parolis en la stenografia unuiĝo Gabelsberger pri „Stenografio kaj Esperanto". Ĉeestis 53 personoj, kiuj interesite sekvis la paroladon. (Ne estas malfacile por stenografistoj-E-istoj, ricevi la permeson pri parolado en stenografia unuiĝo, se ili klopodas interrilatigi la temon kun stenografio. Jen efika kaj senkosta propagando.)

**Schussenried.** *Loka Grupo.* La grupo tre bedaŭras la foriron de Dro Uhlmann, kaj je lia honoro oni aranĝis harmonian adiaŭan feston. Kiel dankesprimon de la grupo Dro Uhlmann ricevis belan honordonacon. Kantoj kaj dancado plibeligis la vesperon.

**Siegburg.** *Loka Grupo* aliĝis al G. E. A.

**Stettin.** *Unuiĝinta E-Societo.* Propagandaj paroladoj farataj de stud. jur. Münster okazis en komerca lernejo de Rackow kaj en loka grupo de „Vortrupp". Kurso malfermiĝis komence de Septembro. Meze de Oktobro la Societo festos sian 2an fondiĝfeston.

**Stuttgart.** *Esperanto Stelo* jam aranĝis du kursojn kun entute 47 partoprenantoj; en Oktobro sekvos du pliaj en Cannstatt. — La *laboristaj grupoj* en Stuttgart kaj Cannstatt disdonis pli ol 10000 propagandilojn, sur kiuj estas anoncitaj 11 kursoj en Stuttgart kaj ĝiaj antaŭ- aŭ ĉirkaŭurboj, kiujn antaŭiros parolado pri Esperanto.

**Weinböhla.** La *„Unuiĝo de Esperantistaj instruistoj en la distrikto Meißen"* havis la 6an de Septembro sian 4an kunvenon en Weinböhla. Tiuokaze S-ro Sohrmann aranĝis kun geknaboj, instruitaj en E. de post Pasko, provlecionon, kiu tre bone sukcesis. Instruisto Däberitz parolis pri „la utilo de la enkonduko de E. en ĉiujn lernejojn de la mondo". — La 8an de Septembro vizitis nian lokon du junaj svedinoj, F-inoj Josefson kaj Hemberg el Stockholm. Kun ĉi-tieaj samideanoj ili ekskursis ankaŭ al Meißen.

## Aŭstrio.

**Aussig.** La unua E-kurso gvidita de Dr. Löschner el Preschen finiĝis. El ĝiaj anoj baldaŭ fondiĝos grupo.

**Bielitz (Österr.-Schles.).** En la loka germana gazeto aperis, tradukita de S-ino Dr. Haas, la artikolo „Surd-mutaj blinduloj", kiun S-ro Jean Borel publikigis en Germana E-isto. — Kurso gvidita de reallerneja direktoro Bock finiĝis. Grupo fondiĝos en aŭtuno, aliĝos al ĝi proksimume 25 kursanoj.

**Bodenbach.** *Loka Grupo.* La 28an de Junio okazis familia vespero en „Wettiner Hof" konsistanta el paroladoj, recitajoj kaj deklamajoj.

**Villach.** *E-Verein für Kärnthen.* En komitata kunveno de la 1a de Aŭgusto oni parolis pri diversaj propagandaj aferoj. Oni decidis starigi konstantan kongresan ŝparkason, en kiun ĉiu membro enpagos ĉiumonate 5 Kronojn. (Imitinda ekzemplo! *Red.*)

**Wien.** La 26an de Junio okazis ekskurso de la Wien'aj E-istoj al Hochschneeberg. Bedaŭrinde la vetero ne estis sufiĉe bona, do oni devis rifuĝi en la hotelo de l'monto, kie Prof. Glück uzis la okazon, propagande paroli al la multnombre ĉeestanta turistaro. — Ankaŭ dum festvespero de la 2a klaso de komerca lernejo de Schwetter S-ro Glück propagande parolis. La sukceso estis, ke la direktoro de la nomita lernejo promesis, enkonduki E-on en sian lernejon.

## Svislando.

**Bern.** Post la Naŭa Dipl.-Inĝ. Schiff el Berlin aranĝis propagandan paroladon, kiu bone sukcesis, dank' al la vigla intereso, kiu post la kongreso regas en la svisa ĉefurbo.

**St. Gallen.** Okaze de la „svislanda katolika tago" la 11an de Aŭgusto kunvenis katolikaj esperantistoj el Svislando, por fondi *Landligon de la Internacia Katolika E-Unio.* Post referatoj de S-roj Dr. Lehner, Prof. Arnold, H. J. Unger kaj Flühler estis elektataj kiel P: Prof. Arnold, Vp: S-ro Flühler, S: S-ro Hilfiker.

**Zürich.** *E-Societo.* Por fortigi la intereson pri E. vekitan ankaŭ en Zürich per la Naŭa, oni aranĝis la 2an de Septembro en la salono de „Hirschengraben-lernejo" propagandan vesperon. Paroladis Dipl.-Inĝ. Schiff el Berlin kaj Prof. Dr. Föhr, direktoro de „Friedrichs-Politechnikum" en Köthen. El la eble 70 aŭskultintoj 12 aliĝis al kurso komencota. *J. K.*

# Internationale Esperanto-Bewegung

Dem eifrigen Esperantisten war in den letzten beiden Monaten Gelegenheit gegeben, jeden Tag zu kongressieren. Wenn er von Gent über Stuttgart, Bern, Mailand nach Rom reiste, so konnte er vom 14. August bis 10. September täglich an Esperanto-Kongressen teilnehmen, sicher ein Zeichen von reichlichem Leben in Esperantujo. Aber auch außerhalb

der reinen Esperanto-Kongresse hat auf anderen internationalen Kongressen Esperanto angefangen, Wurzeln zu schlagen, die zu kräftigen und auszudehnen bestimmt die nun endlich im Werden begriffene internationale Organisation der nationalen Esperanto-Vereinigungen wesentlich beitragen wird.

Im Juni tagte in *Gent* der *Kongreß der internationalen Gesellschaften.* Unter vielen anderen wissenschaftlichen, juristischen und technischen Fragen wurde auch die Frage einer internationalen Hilfssprache erörtert. Hierzu waren Vertreter der Esperantisten und Idisten herangezogen. Von den Esperantisten waren die Herren Mudie, General Sebert, Chavet, Barras u. a. zugegen, von den Idisten die Herren Couturat, Chalon, Palmer, Schneeberger. Der Aufforderung Schneebergers, dem Verbande zur Schaffung eines Weltsprache-Amtes beizutreten, wurde von Barras widersprochen, indem er darauf hinwies, daß dieser Verband nicht unparteiisch sei, da sein Vorstand fast ausschließlich aus Idisten bestehe. Er forderte dann den Kongreß auf, bei den nächsten Kongressen Esperanto als bevorzugte Kongreßsprache anzuerkennen. Wenn nun auch noch kein endgültiger Beschluß hierüber gefaßt wurde, so war diese Verhandlung für Esperanto ein bedeutender Vorstoß, der, wenn er richtig weiter ausgenutzt wird, beim nächsten Kongreß, der wahrscheinlich in San Franzisko stattfinden wird, zum Siege führen wird.

Über die besonderen Sitzungen der TEKA auf dem *internationalen Ärzte-Kongreß* in *London* schreibt die „Westminster Gazette" vom 11. August: Esperantosprechende Ärzte. Die neutrale Sprache bei internationalen Kongressen. Vier offizielle Sprachen, Englisch, Französisch, Deutsch und Italienisch wurden während des großen internationalen Kongresses der Ärzte gebraucht. Auch eine nicht offizielle Sprache, die nach dem Urteil ihrer Anhänger die Sprache der künftigen internationalen Kongresse sein wird, wurde benutzt — Esperanto. Ein Aufruf an der Königlichen Bergwerksschule ruft die esperantosprechenden Ärzte aller Länder zusammen, um über medizinische Themen zu diskutieren. (Folgt der Aufruf.) Das Wunderbarste bei dieser Zusammenkunft war die Leichtigkeit, mit der die Redner technische Fragen in der künstlichen Sprache behandelten. Weder die Schwierigkeiten des „Duodenum", noch die Alkalescens des Blutes bereiteten irgendwelche Schwierigkeiten. Dr. Alexander (Londoner Medizinalbeamter) hielt seinen ersten Vortrag in Esperanto und verließ die Versammlung im höchsten Grade erstaunt darüber, daß die Sache so einfach war. „Ich war ängstlich, als ich mich erhob", sagte er, „ich lernte Esperanto erst seit einem Jahre, und dies war mein erster Vortrag in Esperanto. Denken Sie sich meine Freude, als ich bemerkte, daß alle Anwesenden mich vorzüglich verstanden. Es ist ein wahres Wunder!" Professor Johnston erklärte, daß er die Vorlesung eines von einem Russen eingesandten Vortrages mit anhörte und jedes Wort verstand, obwohl es sich um ein seinem Spezialfach völlig fern liegendes Thema handelte. „Vom sprachlichen Standpunkt aus betrachtet", sagt er, „ist ein internationaler Kongreß eine Lächerlichkeit. Ich kann Französisch, Deutsch, Spanisch und Italienisch lesen, aber verstehen kann ich keine 5 aufeinander folgenden Worte dieser Sprachen".

Auf dem in *Budapest* gewesenen *internationalen Kongreß für Frauenstimmrecht* begrüßte Dr. Gießwein am Vorabend die Gäste in Deutsch, Französisch, Englisch und Esperanto.

Der *englische Friedenskongreß* in *Leeds* faßte folgende Resolution: „Der Kongreß heißt Esperanto willkommen als kräftiges Hilfsmittel der internationalen Freundschaft. Er bestätigt die erzielten Erfolge des Esperanto und empfiehlt es als eine der Kongreßsprachen für internationale Kongresse und Zusammenkünfte". Während des Kongresses kamen 9 Telegramme und Briefe in Esperanto an.

Wie wir schon einmal erwähnten, war in das Programm des *Schweizerischen Katholikentages,* der im August in *St. Gallen* tagte, auch eine Versammlung zur Gründung eines schweizerischen Landesverbandes der internationalen katholischen Union vorgesehen. Nach Vorträgen von Prof. W. Arnold, Zug (Katholizismus und Esperanto), H. J. Unger, Zürich (Die internationale Hilfssprache Esperanto) und Seminaroberlehrer O. Flühler, Schwyz (Seelsorge und Esperanto) gründete sich der Verband unter den Namen *Internationale Katholische Union, Landesverband Schweiz,* und ihm traten sofort über 20 Mitglieder bei. Vorsitzender wurde Prof. Arnold. Nach seinen Satzungen bedient sich der Verband zur Erreichung seiner Ziele des Esperanto als offizielle Verkehrssprache.

Der *internationale katholische Esperanto-Kongreß* begann am 3. September mit einem italienischen Kongreß in Mailand, von wo die Teilnehmer gemeinsam nach *Rom* weiterfuhren. Hier nahmen am Kongreß viele katholische Würdenträger teil.

Der in *Verona* gewesene *Kongreß für Fremdenverkehr* nahm folgende Resolution an: „Der Kongreß bestätigt den großen Nutzen, den eine Hilfssprache für den Fremdenverkehr hat und hält Esperanto für vorzüglich geeignet hierzu. Der Kongreß drückt den Wunsch aus, daß 1. die Vereine für Fremdenverkehr bei allem Verkehr mit gleichen Vereinigungen fremder Länder sich des Esperanto bedienen; 2. daß sie sich bei Herausgabe von Führern und anderen Drucksachen ebenfalls des Esperanto bedienen; 3. daß Hotels, Kurorte Personal an der Hand haben, das Esperanto kann; 4. daß alle Vereine, die sich mit Fremdenverkehr und ähnlichen Bestrebungen befassen, wo sie nur können, für die Ausbreitung des Esperanto Sorge tragen.

In *San Franzisko* hatten die Esperantisten in dem Direktorialgebäude für die *internationale Panama-Ausstellung* eine Zasammenkunft mit Komiteemitgliedern der Ausstellung. Man erkannte den hohen Wert des Esperanto für die Ausstellung an und berichtete auch, daß von außerhalb schon verschiedene Aufforderungen ergangen seien, Esperanto bei der Ausstellung zu gebrauchen. Bestimmte Beschlüsse wurden noch nicht gefaßt.

Auf dem *2. internationalen Kongreß für Rettungswesen und Unfallverhütung* in *Wien* hielt Dr. Schwab aus Berlin einen Vortrag über „die Bedeutung der internationalen Hilfssprache Esperanto für das Rettungswesen im Frieden und den Sanitätsdienst im Kriege". Die daraufhin von der Sektion II des Kongresses an den Kongreß gerichtete Resolution: „Der internationale Kongreß für Rettungswesen und

Unfallverhütung erklärt, daß die Annahme einer internationalen Hilfssprache für das Rettungswesen von großer Wichtigkeit ist", wurde in der Schlußsitzung des Kongresses angenommen.

Auch auf dem *8. internationalen Transportarbeiter-Kongreß* in *London* wurde eine von einem Italiener eingebrachte Resolution, die Einführung des Esperanto als Verhandlungssprache betreffend, dem Zentralrat überwiesen.

Die allrussische Ausstellung für Kunst, Industrie, Landwirtschaft und Wissenschaft in *Kiew* benutzte einige Male das Esperanto für seine Zwecke und gewährte dafür den Esperantisten, die dem 2. allrussischen Esperantisten-Kongreß beiwohnten, freien Eintritt in die Ausstellung.

Der chinesische Minister für öffentlichen Unterricht, Kunst und Wissenschaft *Tsai-Guennbeh* schrieb an General Sebert: „Von jetzt ab werde ich mein möglichstes tun, die internationale Hilfssprache in allen Teilen der Republik zu verbreiten. Um zu zeigen, daß ich *samideano* bin, kann ich Ihnen mitteilen, daß ich soeben in der Hauptstadt einen Kursus für Esperanto einrichte".

Herr *Durieux*, Direktor der Volksschulen in *Lille*, dem es gelang, schon vor mehreren Jahren in die höheren Klassen der dortigen Schulen Esperanto einzuführen und der hierbei in den Volksschulen glänzende Resultate erzielte — nicht allein daß die Kinder gern und gut Esperanto lernten, sie wurden auch fester in der Muttersprache —, macht folgende Vorschläge, um die Schwierigkeiten der Einführung des Esperantounterrichts zu erleichtern: 1. müssen alle Nachrichten über Esperantounterricht in Schulen in jedem Lande an einer Stelle gesammelt und von hieraus weiter gegeben werden; 2. muß in jedem Staate von einer Zentrale aus die Propaganda an den einschlägigen Stellen gemacht werden; 3. müssen die einzelnen Schulpropagandazentren der einzelnen Länder stets miteinander in regem Verkehr bleiben. Auch hier kann eine internationale Organisation vorzügliche Hilfe leisten. (Was sagen hierzu unsere Gegner einer solchen Organisation? Glauben sie, durch den bloßen *Gebrauch* des Esperanto diese propagandistischen Ziele zu erreichen? *Red.)*

## Carlo Bourlet †

Nia alte ŝatata, kara samideano S-ro Profesoro Carlo Bourlet mortis; tiun ĉi doloran sciigon ni publikigas kun profunda malĝojo. La 1an de Aŭgusto li veturis kun sia familio al Annecy en la Francaj Alpoj, por tie pasigi libertempon, atendante la Bernan kongreson. Tuj post sia alveno li englutis dum la tagmanĝo fiŝosteton, kiu restis en lia gorĝo. Sed nur kelkajn tagojn poste oni komprenis la danĝeron, kiam estis tro malfrue, kaj li mortis la 12an de Aŭgusto. La morto trafis lin je la aĝo de 47 jaroj en plenaj vivoforto, energio kaj agado. Tiu ĉi perdo estas por nia Esperanta afero terura bato, kaj al liaj multaj amikoj la tuta Berna kongreso estis kvazaŭ vualita de funebro.

Tie ĉi ni ne povas resumi, eĉ mallonge, la vastan vivlaboron de nia mortinta amiko, ni diras nur malmultajn vortojn.

Carlo Bourlet naskiĝis en Straßburg i. E. en 1866, kaj tie pasigis siajn unuajn lernjarojn, poste li forloĝiĝis al Bourges en Francujo kaj fine al Paris. Lia fako estis la matematikaj kaj fizikaj sciencoj, en kiu li fariĝis baldaŭ fama instruanto. Li disvastigis praktikajn metodojn por la instruado de geometrio kaj algebro kaj verkis tre ŝatatajn librojn uzatajn nun en preskaŭ ĉiuj liceoj de Francujo. Li instruis kiel profesoro en diversaj altaj lernejoj de Paris, interalie en la *Sorbonne* kaj la *Konservejo de Artoj kaj Metioj*.

Por Esperanto lia influo estis decidiga. Kiam li esperantiĝis en 1900, nia afero nur malforte komencis disvastiĝi; tuj li donis al ĝi fortan antaŭpuŝon, dank' al kiu rapidaj progresoj sekvis. La esperantistaro en Paris baldaŭ dekobliĝis, grupoj fondiĝis kursoj malfermiĝis; sed du ĉefajn paŝojn ni ŝuldas precipe al Bourlet: la altiron al Esperanto de la Franca *Touring Club*, kiu potence influis nian progresadon kaj de la plej grava eldonejo en Francujo, *Hachette & Ko.* Neniu granda firmo volis antaŭe interesiĝi pri Esperanto, ĉar mankis konfido; la moralan kaj efikan helpon de Hachette en tiu momento ni ne povas tro alte ŝati.

Sed Bourlet ne limigis sian agemon al Francujo sola, li ankaŭ laboris por la progresado en eksterlando. En 1902 li faris vojaĝon al Leipzig kaj Berlin, klopodante interesi eminentulojn kaj eldonistojn, ĉar tiam Germanujo restis tute fremda al Esperanto. De tiam li ne ĉesis helpi nin kaj kuraĝigi niajn malfortajn komencojn.

Dum la printempo de 1908 li revenis al Berlin kaj Dresden por ekscii pri la preparoj de la 4a Kongreso. En Berlin li pasigis du tagojn, farante paroladojn kaj donante utilajn konsilojn. Cetere li diversfoje revenis al Germanujo, kie lia bona kono de la germana lingvo helpis lin fari efikan propagandon kun humorplena spriteco.

Kiel agema partoprenanto en niaj kongresoj, kiel distinginda direktoro de *La Revuo*, kiun li fondis en 1906, kiel prezidanto de la Parisa grupo, vicprezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, sekretario de la Scienca Asocio ktp. Bourlet faris eminentajn servojn al la Esperanta afero. Elokventa paroladisto, lerta verkisto, li havis ĉiujn facilajojn por efike propagandi, kaj li ŝparis siajn mirindajn talentojn neniam, kiam sin trovis iu okazo, labori por lia kara Esperanto. Li volis ĝian triumfon kaj firme kredis al ĝi. Malfacilajoj neniam senkuraĝigis lin, male; ĉiam antaŭen li iradis kaj tiel venkis la malhelpojn.

Tiaj energiaj homoj, kiuj marŝas al difinita celo, havas ĉiam kontraŭulojn. Bourlet havis la siajn, kiam li batalis por progreso, kiun li prave opiniis plej necesa por la fina sukceso de nia entrepreno, nome: bona, forta organizo internacia por komuna kunlaboro de la esperantistaro en la tuta mondo kaj por varbado de la neesperantista publiko. Dum la lastaj jaroj tiu ĉi celo okupadis lin ĉefe, kaj li sukcesis forte progresigi siajn ideojn, sed li bedaŭrinde ne vidis la plenan efektiviĝon de sia revo. La morto forprenis lin meze de lia agado.

Li ankaŭ volis, ke nia Deka Kongreso en Paris estu grandioza, kaj li jam multe antaŭlaboris por tio. Ho ve! jen ankaŭ nefinita entrepreno, kies tutan pezon devas preni sur sin sindonaj Paris'aj samide-

anoj, kiuj jam estas ŝarĝitaj de aliaj laboroj. Sed kiel veraj esperantistoj, ili ne perdas sian kuraĝon kaj esperplene ili akceptas la taskon.

Tiuj, kiuj ne konis S-ron Bourlet iom private kaj vidis nur la brilan oratoron, la fajran batalanton, ne povis imaĝi, kian ameman, senteman koron li havis. Por tio oni devis lin vidi en mezo de la familia rondo, kiel edzon kaj patron; oni devis scii, kia amplena filo li estis por maljuna vidvina patrino, kies sola subtenanto li restis jam de siaj studentaj jaroj, kaj poste kiel li dum monatoj flegis mem, pli sindone ol flegistino, sian grave malsanan edzinon. Sciante tion oni komprenas, kian doloran perdon faris nun lia de li tiel amita familio. Al Sinjorino Bourlet kaj al la du ĝeorfoj ni esprimas nian sinceran kompaton.

La rememoro al Carlo Bourlet restos profunde engravurita en la koro de liaj amikoj, samideanoj kaj kunbatalintoj. Post tiom da utila, senĉesa laboro, dum bedaŭrinde tro mallonga vivo, li nun ripozu pace! *Jean Borel.*

---

## Abato Austin Richardson †.

Kun kora ĝojo ni ĉiuj, partoprenontoj de la Naŭa, alproksimiĝis Bernon, pripensante nur la plezurojn, kiujn havigos al ni la renkonto de malnovaj amikoj, la akiro de novaj konatuloj, la serioza laboro de la kunsidoj kaj la gajeco de promesitaj ekskursoj. Sed ho ve! neniam oni devas antaŭĝui la estontecon. La malgaja birdo de la kruela sorto jam survoje svingis siajn nigrajn flugilojn super ni, kiam ni eksciis la funebran foriron de nia ĉiekonata eminentulo Carlo Bourlet. Niaj sentoj de profunda kompato kaj malgaja rememoro ankoraŭ ne malaperis, kiam ni, alveninte Bernon, estis surprizataj de nova Hioba sciiĝo: unu el la plej bonkoraj viroj, Abato Aŭgustino Richardson, subite mortis en Bossey apud Genève, kiam li ekvojaĝis al la kongreso en Bern. Li atingis aĝon de 70 jaroj.

La unuan fojon mi renkontis lin dum la pasintjara kongreso de katolikaj esperantistoj en Budapeŝt, kie li ŝajne jam havis iom da antaŭsento pri sia rapida morto, ĉar li adiaŭis min per jenaj vortoj: „Laboru diligente, akiru pleje junulojn por nia Esperanta movado, ĉar ni maljunuloj rapidege foriros."

Kiel katolika pastro li klopodis dumvive, tuj post la ekkono de nia lingvo, kiel eble plej larĝe disvastigi Esperanton inter siaj samreligianoj, tre ofte dirante, ke la interfratiĝo de samcelanoj estas efektivigebla nur per komuna lingvo. Estis li, kiu pere de Esperanto interkonatigis la plej malproksime loĝantajn katolikojn; estis ankaŭ li, kiu per sia senlaca kaj senĉesa laboro plifortigis la *Internacian Unuiĝon de Katolikaj Esperantistoj*, kies kunfondinto kaj posta energia prezidanto li estis. Ĉi tiu unuiĝo estas hodiaŭ unu el la plej gravaj organizajoj esperantistaj, kiu jam kvarfoje kunvokis proprajn internaciajn kongresojn bone sukcesintajn (Paris, Haag, Budapeŝt, Rom). Dum la lastaj jaroj li estis ankaŭ la religia direktanto de la revuo *Espero Katolika*, la prezidanto de la *Belga Katolika Ligo Esperantista* ktp. Kiel Lingva-Komitatano por la angla lingvo — Richardson estis naskiĝinta anglo — li laŭpove kaj konscience plenumis siajn taskojn. Antaŭ ĉio li estis plej fidela al la Zamenhofa Esperanto. „Se ni volas mondlingvon — li diris ankoraŭ mallonge antaŭ sia morto — ni devas severe gardi la principon de Esperanto: la lingvan unuecon. Povas ekzisti nur unu sola mondlingvo — aŭ ĝi ne ekzistas. Kaj la katolikoj devas tiom pli multe gardi tiun ĉi unuecon, ke sole per ĝi plenumiĝos la grava vorto de l' Sankta Patro, ke Esperanto helpos konservi kaj gardi la necesan unuecon inter la katolikoj tutmondaj."

Estante benita per vere alloga korboneco kaj kompleza ĝentileco al ĉiuj, li gajnis multajn amikojn por si mem kaj per si mem al la Esperanta movado. Precipe en Bruxelles, kie li loĝis jam de jaroj, kaj kie li estis profesoro de la angla lingvo en la *Institut Saint Louis*, li varbis multajn junajn samideanojn, kiuj ege amis kaj ŝatis lin kiel instruiston kaj homon. Sed ankaŭ en aliaj, plej diversaj rondoj en Belgujo, Anglujo, Francujo kaj Svislando li forte propagandis Esperanton kun bona sukceso.

Liaj plej lastaj pensoj sur tiu ĉi tero apartenis ankoraŭ al Esperanto: sentante jam la sufokan krizon de la senkompata morto, kiu lin subite atakis en la nokto de l' 20a de Aŭgusto, li montris per la mano la adreslibron de esperantistoj kaj provis ion diri; sed la povo mankis, ĉar ĉesis bati lia koro, kiu tiel varme sentis por ĉiuj samideanoj. . .

La 22an de Aŭgusto li estis enterigata, kaj kelkaj rapide alveturintaj samideanoj faris al li la lastan honoran akompanon. La komitato de la Berna Kongreso metiĝis sur lian tombon belan florkronon kun varmaj vortoj de adiaŭo. La funebran diservon, kiu okazis en Bern mardon de la kongressemajno en la preĝejo „Trinitatis", partoprenis ankaŭ nia Majstro, kaj dum la funebra soleno multaj larmoplenaj okuloj pruvis, ke la esperantistaro perdis en Abato Richardson unu el la plej bonkoraj amikoj.

*Julio Lajos.*

---

## Pri kunvenoj kaj propagandaj aranĝoj

### Universala Framasona Ligo.

**Al ĉiuj frm.-esperantistoj!**

La 30an de Aŭgusto fondiĝis en Bern la *Universala Framasona Ligo*, kies celo estas pliintimigi la rilatojn inter la FFr. de la tuta mondo. La sola oficiala lingvo estas Esperanto de Dro Zamenhof. Estas nepre necese, ke ĉiuj esperantistaj framasonoj tuj aliĝu al tiu ne pure esperantista ligo, ĉar ĝi povas fariĝi tre grava por la Esperanto-movado. La jara kotizo estas 1 Sm. Oficialaj organoj estas la „Bultenoj" de la „Mondoficejo" en Neuchâtel, kiuj regule havas Esperantan parton, kaj la gazeto „Homaro". La estraro jus elektita konsistas el:

Prezidanto: Fr. *Senatano Dro de Magalhaes Lima, Lisboa*, Gr. M. de l' Gr. Or. de Portugalujo.

1. Vicprez.: Fr. *Kolonelo Pollen, London*, Eks-Provinc. Gr. M. de Hindujo.
2. Vicprez.: Fr. *Prof. Boucon, Annecy* (Francujo).
Sekretario: Fr. *Dro med. Uhlmann, Zihlschlacht* (Svislando).
Kasisto: Fr. *Dro Hederich, Warnemünde* (Germanujo).

La iama societo „Esperanto Framasona" dissolviĝis kaj kunfandiĝis kun la nova tutmonda ligo. Oni sin tuj anoncu al la kasisto, sendante la jaran kotizon. Oni ankaŭ diskonigu nian gravan ligon en la vicoj de la neesperantistaj framasonoj, kiuj estas kore akceptataj. La kono de la lingvo ne estas postulata, sed nur dezirata, do povas aliĝi ĉiu, kiu aprobas la ĉefan celon de pliintimigo inter tutmondaj FFr. sur la bazo de neŭtrala lingvo.

*

**Württembergischer Esperanto-Landes-Verband.** Voranzeige. Am 12. Oktober d. J. wird in *Ulm a. D.* der *2. Württembergische Esperanto-Tag* stattfinden. Begrüßung durch Herrn Oberbürgermeister von Wagner. Festrede von Herrn Rechtsanwalt Dr. Orthal, Nürnberg; Thema: Eine Welthilfssprache, ihre Bedeutung und Verwirklichung.
Geschäftsordnung: Verbandsangelegenheiten. Internationaler Esperanto-Kongreß 1913, Stuttgart. Verbandszeitschrift. Veranstaltungen 1914.

Freunde unserer Bewegung, sowie Interessenten für Hebung von Welthandel und Weltverkehr sind hierzu herzlichst eingeladen. Der Vorsitzende:
*Hengstenberg*, Esslingen.

# Por kaj kontraŭ

## Erklärung.

Auf einen Antrag des Bamberger Esperanto-Vereins hin hat der 8. Deutsche Esperanto-Kongreß auf seiner Tagung in Stuttgart den Wunsch ausgesprochen, daß die Polemiken gegen andere Weltsprache-Systeme, insbesondere gegen Ido, im Germana Esperantisto auf das allernotwendigste beschränkt werden mögen. Wenn wir auch im allgemeinen in dieser Sache auf einem anderen Standpunkt stehen, so können wir uns doch nicht ganz den für den ausgedrückten Wunsch sprechenden Gründen verschließen. Wir erklären uns deshalb bereit, dem Wunsche des Kongresses stattzugeben und werden künftighin nur die gröbsten Angriffe und Entstellungen der Gegner möglichst kurz und auf jeden Fall sachlich zurückweisen. Einem ebenfalls vom Kongreß geäußerten Wunsche entsprechend werden solche Erwiderungen nur in Esperanto veröffentlicht.*)

Es sollte uns freuen, wenn unser Entschluß auch unsere Gegner veranlaßte, ihre Polemik und ihre ungerechtfertigten Angriffe gegen Esperanto einzustellen. Beide Teile können dadurch nur gewinnen, indem sie in ihren Blättern dann mehr Platz für allgemeine Propaganda zur Verfügung haben. Allerdings darf man zu einer allgemeinen Propaganda nicht die Herabsetzung des Gegners und der von ihm vertretenen Sache zählen. Wir haben jedenfalls den ehrlichen Willen, dies nicht zu tun.

*Die Redaktion*
*des Germana Esperantisto.*

*) Die in der vorliegenden Nummer noch befindlichen polemischen Artikel waren bereits für die vorige Nummer gesetzt, mußten aber wegen Platzmangel zurückgestellt werden. Man wolle ihre Veröffentlichung deshalb nicht als einen Widerspruch zu der hier abgegebenen Erklärung betrachten. *Die Red.*

## Ein neuer Stephan-Trick?

Unter diesem Titel brachten wir in Nr. 8 A, S. 123, eine Warnung bezüglich des seinerzeit neu erschienenen *Germana Esperanto-Jurnalo.* Unsere Vermutung, daß diese Zeitschrift wieder ein Unternehmen des Herrn Stephan sei, hat sich bestätigt. Dahingegen ist die von uns aufgeworfene Frage, ob der verantwortlich zeichnende Herausgeber des Blattes, Herr Buchdruckereibesitzer *Johannes Briest* in *Blankenburg a. H.* mit Stephan unter einer Decke steckt, oder ob ihm das bisherige Treiben Stephans unbekannt war, jetzt dahin zu beantworten, daß Herr Briest in gutem Glauben gehandelt hat und von Stephan getäuscht worden ist. Nachdem Herr Briest einige Aufklärung über Stephan erhalten hatte, hat er sofort das weitere Erscheinen der Zeitschrift eingestellt und die nach Versand von einigen hundert Probenummern noch vorhandene Auflage der ersten und einzigen Nummer vernichtet. Er hat dies auch sofort dem Vorstande des Deutschen Esperanto-Bundes mitgeteilt.

Es freut uns, daß die Angelegenheit in dieser Weise zur Erledigung gekommen und daß Herr Briest, den wir wegen unserer verdächtigenden Bemerkung um Entschuldigung bitten, vor größeren Verlusten bewahrt geblieben ist. Im übrigen können wir noch mitteilen, daß Herr Stephan unserem Bundesvorsitzenden sein Ehrenwort gegeben hat, in Zukunft nichts mehr gegen Esperanto zu unternehmen, sein „verbessertes Esperanto" beiseite zu lassen und nur noch für das Zamenhof'sche Esperanto zu arbeiten. Er hat auch zugegeben, daß er und Dr. Stelzner ein und dieselbe Person sind. Hoffen wir nun, daß er sein Wort halten und der Esperanto-Bewegung künftighin als ein nützlicher Mitarbeiter dienen wird. Wir halten keinen Menschen für so schlecht, daß er nicht besserungsfähig wäre.

*Germana Esperantisto.*

## Vom Esperanto zum Ido.

In der Augustnummer seines Organs „Die Weltsprache" und auch in einem an verschiedene Esperantisten gesandten Rundschreiben gibt der Deutsche Weltsprache-Bund (Ido) eine Zuschrift des Herrn *Pfarrer Clemente* in *Sinzing* bei Regensburg bekannt, in der dieser erklärt, daß er mit seinem Urteil über Ido nun fertig sei und das Ido dem Esperanto vorziehe. Aus diesem Grunde wolle er einstweilen (bis zu einer eventuellen Einigung beider Systeme) das Ido intensiv studieren und hoffe, es in kurzer Zeit ebenso zu bemeistern wie das Esperanto.

